*Propono de Dro Bovet.*

La faktaro kunigita de la Konferenco montras ke metoda enketo pri la rezultoj de la esperanto-instruado en lernejoj estas tre dezirinda.

Tiu enketo devos esti farata laŭ reguloj de eksperimenta pedagogio. Ĝi studados la demandaron proponitan por la nuna Kunveno kaj ĉefe la sekvantajn demandojn:

Ĉu esperanto malbonigis la uzon de la gepatra lingvo ĉe la lernantoj?

Ĉu esperanto estas malhelpaĵo en la studado de fremdaj kaj klasikaj lingvoj?

Aŭ kontraŭe, ĉu la eksperimentoj de Eccles kaj Bishop Auckland estos sampruvaj en lernejoj de aliaj landoj?

Ĉu la eklernado de esperanto faciligas poste la komprenon de la gramatiko fremdlingva?

Eksperimentoj tiaj estos diversigitaj laŭ la diverslandaj programoj, sed ĉiam kun pure scienca celo, sen iu ajn antaŭ-juĝo.

Por starigi detalan eksperimentan programon la nuna konferenco elektas kiel specialan komisionon gesinjorojn (vidu supre).

Tiu komisiono devos raporti al venonta Esperanta kunveno de instruistoj.

S-ro *Vaona* (Verona): Dezirus ke tiu Komisiono laboru plej rapide, kaj prezentu jam sian laboron en la venonta Kongreso Internacia en Helsinki.

La prezidanto klarigas ke tio ne estas ebla. La Komisiono devas labori tute science, sekve malrapide.

Eble nur post tri jaroj ĝi povos raporti. Sed raporto pri la nuna Konferenco estu prezentita en Helsinki, kie la Komisiono povus eble proponi planon de eksperimentoj.

* * *

## Tria Kunsido. Merkredon 19 Aprilo 1922, 10 h.

## Morala spertaro.

*La prezidanto* resumas unuan kaj duan kunsidojn. Ni alvenas al la tria punkto: *Morala valoro.*

1. Ĉu oni intence prezentis esperanton kiel ilon de interpopola kunfratiĝado, aŭ ĉu la lernantoj mem faris rimarkojn pri tio? 2. Ĉu geografio ricevis ian profiton per nova intereso? 3. Kiel oni povis organizi interlandan korespondadon sen troaj kostoj kaj doni al ĝi kiel eble plej grandan efikecon kaj intereson?

S-ro *Ludvík* (Černý Kostelec, Ĉekosl.): Rilate geografion Esp. povas havi grandan signifon por lernantoj kiel ankaŭ por la instruisto. Ĉekoslovakaj lernantoj informis tutan mondon pri Ĉekoslovakio (Prezidanto Masaryk, sokoloj, naciaj kostumoj), ne nur poŝtkartojn, sed ankaŭ objektojn, desegnaĵojn ili povas interŝanĝi.

S-ro *Sevenhuijsen* (Haarlem): Atentigas pri la morala sento, kiun Esp. povas disvolvi ĉe infanoj. Ankaŭ bone estus, ke oni instruu historion ne nur nacian, sed ankaŭ internacian. Alia morala efiko estas disvolvo de toleremeco. Per Esp. infanoj lernas ami fremdulojn. Toleremo ankaŭ religia. Pri naciaj lingvoj infanoj ne bone komprenas, kial ili devas lerni unu apartan, kaj ne la aliajn. Pri Esp. tiu demando ne ekzistas. Ĝenerale la gepatroj estas kontentaj, ke la infanoj lernu fratecon de popoloj.

*La prezidanto:* Ni klasigu la informojn. La demando nuna estas, ĉu la infanoj mem faris rimarkojn pri la internacia fratiga ebleco de Esp. aŭ ĉu oni klarigis al ili pri tio.

F-ino *Hogg* (Eccles): Ĉe mi la infanoj mem rimarkis, ke Esp. helpas al monda paco. Per ĝi, ili diris foje, ni havos gefratojn en ĉiuj landoj.

F-ino *Pomarici* (Milano) vidas en Esp. ilon de interfratiĝado de popoloj. Sed tre junaj infanoj mem ne povas trovi tiun valoron de la lingvo internacia. Ili devas esti instigataj per klarigo. Malpli junaj povas trovi mem.

F-ino *Ŝupilŏvá* (Praha) alportas al la konferenco gratulon kaj saluton de infanoj. En rubriko de ĉeĥa infana gazeto ŝi propagandis Esp. Kiel pruvon, ŝi legas leteron kortuŝan de 15jara infano, kiu deklaras ke li sentis sin „pli bona“ de post kiam li eklernis Esp. La gepatroj mem rimarkis, ke la infanoj ŝanĝiĝas, fariĝas pli diligentaj kaj pli delikataj en siaj homaj sentoj.

S-ro *Troegel* (Aŭerbach): En mia seminario ni uzis la lernolibron ilustritan „Tra la Mondo“. Per ĝi ni volas instrui al infanoj ne nur la ŝelon sed la kernon de pensado. Ni legis en ĝi proverbojn k. t. p. Lernantoj 16, 17, 18jaraj tuj rimarkis la nacian esencon de la proverboj. Per Esp. la junularo povas senti la individuan senton de ĉiuj nacioj tra la tuta mondo.

S-ro *Haine* (Bruxelles): Foje ni ricevis en Bruselo viziton de Germanaj knaboj el Elberfeld. La Belgaj kaj Germanaj knaboj fariĝis tuj amikoj, kaj eĉ dum la milito tiu amikeco daŭris, kiel pruvis diro de iu el la knaboj Belgaj.

S-ro *Kenn* (Ĉina delegito): En Kantono mi rimarkis du specojn da lernantoj: unue tiujn, kiuj jam havas intereson por Esperantismo. Due tiujn, kiuj ankoraŭ ne havis tiun senton, sed subite poste ĝin ricevis. Antaŭe iuj el la lernantoj diris, ke fremdulo estas diablo.

Direktoro *Schamanek* (Wien): Inter blinduloj la Korespondado internacia povas fariĝi tre vasta. Li citas ekzemplon de unu knabino al kiu Esp. donis „novan animon“. Poste ŝi vidis tute alie, kaj estis multe pli feliĉa.

*La prezidanto* resumas la diskuton pri la morala valoro kaj proponas nun ekzameni aparte la temon pri geografio.

S-ro *Hahn* (Dresden): Rimarkis, ke geografio fariĝas vivoplena kaj efektiva. Infanoj komunikas pri tio, kion ili ricevis. La instruisto ordigas, aldonas, k. t. p. Intereso plivigliĝas pri la diversaj landoj fremdaj.

S-ro *Ludvík* (Kostelec, Ĉekosl.) spertis praktikan uzon de Esp. interŝanĝo de objektoj, mineraloj, fotografaĵoj. Malgrandaj nacioj povas per ĝi sin konigi al fremdaj landoj. Ankaŭ historio kaj desegno ricevas novan intereson.

S-ro *Young* (delegito de la Eduka Instituto de Skotlando) citas anglan proverbon: „Kiu konas nur sian landon, ne konas sian landon“. Eĉ la tiel nomataj „fremdaj vortoj“ enkondukas pensojn pri diversaj landoj.

F-ino *Pomariĉi* (Milano): El internaciaj gazetoj oni povas legi novelojn, eĉ originalaĵojn. De la verko oni povas transiri per klarigoj al la aŭtoro kaj al la lando.

*Abato Ĉe* (Cluĵ, Rumanio) rekomendas interŝanĝon de landkartoj geografiaj.

D-ro *Privat* konstatas ke instruistoj povas konsili la lernantojn pri plej utilaj temoj de korespondado kaj interŝanĝo.

F-ino *Watson* (Coatbridge, Skotlando): Ĉe mi post kvin monatoj da instruado la infanoj povis korespondi kun fremduloj. Tiam ili komprenis unuafoje, ke fremduloj ankaŭ estas vivantaj personoj. Per korespondado infanoj lernas ŝati malsamajn gentojn, eĉ oficiale „malamikajn“.

S-ro *Hahn* (Dresden) konfirmas la dirojn de F-ino Watson. Liaj lernantoj povis korespondi post ½jara instruado. Unue kun aliaj infanoj. Komence ili parolas pri familio, poste kolektas poŝtkartojn kaj poŝtmarkojn, poste ili deziras interŝanĝi desegnaĵojn. Eĉ la Germanaj infanoj lernis de la skota instruistino. Due kun plenkreskuloj. Entute ilia spirita horizonto treege vastiĝis. Jam la perletera konatiĝo alproksimigas homojn. Per Esp. ekzistas ne plu bonaj kaj malbonaj popoloj, sed nur bonaj kaj malbonaj homoj.

S-ro *Ducommun* (Le Locle) legas parton de la letero de 11jara infano, kiu atestas pri lia ĝojo. Oni zorgu, ke la korespondo estu interesa. Por tion atingi li uzas hektografitajn proponojn de leteroj. La infanoj interŝanĝas ankaŭ florojn, semojn, k. t. p.

*La prezidanto* legas saluton de ĉeĥaj infanoj el Olomouc.

S-ro *Sevenhuijsen* (Haarlem) raportas ke per Esp. li povis akiri grandan kolekton da poŝt- kaj land-kartoj, uzataj por la ĝenerala instruado.

S-ro *Haine* (Bruxelles) trovis ke geografio per Esp. permesas uzadon de la metodo de interescentroj, laŭ la sistemo de la konata pedagogo Decrolly.

S-ro *Ludvík* (Kostelec, Ĉekosl.): En mia lando, kie la valuto estas malalta, ni uzas la rimedon meti plurajn leterojn aŭ kartojn en unu koverton. La koverto estas sendata fremdlandon kaj nur tie la kartoj estas dissendataj.

S-ro *Beckmann* (Gevle, Sved,) faris antaŭ la milito eksperimenton de korespondado, kiu bone sukcesis, por siaj svedaj lernantoj.

S-ro *Holmes* (Shipley, Angl.): Ĉe ni la registaro donis subvencion por afranko. Per sia propra korespondado infanoj kontrolas la dirojn de l'instruisto (Pruvo de nova intereso). Ankaŭ la infanoj instruiĝas por povi pli bone klarigi aferojn al siaj korespondantoj.

F-ino *Caldwell* (Leigh, Angl.): Ĉe ni, ni uzis la sistemon de kotizo ĉiusemajna.

S-ro *Deligny* (S[t]Omer) uzas ankaŭ la sistemon de kotizo. Esperantista festo ankaŭ povas doni profiton uzotan por aĉeto de poŝtkartoj kaj poŝtmarkoj. Tiuj ĉi estas ankaŭ donataj kiel premioj al la plej lertaj lernantoj.

S-ro *Poncet* (Lyon) konstatas ke Esperanto en lernejoj helpus instrui la verajn nomojn de lokoj en geografio.

D-ro *Dietterrle* (Leipzig) proponas ke en ĉiu lando oni faru liston de infanoj pretaj korespondi.

S-ro *Jacob* (Ĝenerala sekretario de U. E. A.) sciigas ke jam ĉe la redaktejo de „Esperanto" oni pripensis eldonadon de „Junula Bulteno".

*Abato Ĉe* (Cluĵ, Rumanio) komisiita de la episkopo de Transilvanio klarigas ke Esp. bone efektivigas la Kristanan idealon. Per ĝi la popolo povas voli bone kaj senti frate. Per Esp. vi laboros tute pastre, diris al li la episkopo.

S-ro *Graham Thomsom* (Angla Skolto) klarigas rilaton, kiu devas ekzisti inter Esperanto kaj skoltoj. Li klarigas: 1. Kio estas skoltoj. 2. Kiel rigardas skoltestroj Esperanton. 3. Kiel povas Esperantistoj helpi skoltaron?

S-ro *Drummond Page* (Skota Skolto) proponas ke oni atentigu la skoltajn estrojn pri Esp. Baden Powell mem jam rekomendis ties studon en sia libro.

Prof. *Bovet* aprobas la skoltan movadon.

*La prezidanto* balotigas pri la propono de S-ro Graham Thomson. Ĝi estas unuanime aprobita.

*Pri Skoltoj.*

Ĉi tiu konferenco de geinstruistoj el 28 landoj konstatante la grandan edukan valoron de la geskoltaj movadoj en la tutmondo, simpatias kun la nuna instruado de Esperanto inter geskoltoj kaj rekomendas ke la Estroj de la geskoltaj movadoj en ĉiu lando subtenu la instruadon de Esperanto inter la geskoltoj.

D-ro *Privat*: Pri Ruĝa Kruco; la rekomendo lastjara ne estis ĝenerale aplikata. Esp. Societoj devas instigi ke oni lernu kaj uzu Esp. ĉe Ruĝa Kruco. Esperantistaj instruistoj fondu junulajn sekciojn de Ruĝa Kruco por doni sekvon al la kurso kaj ili interkorespondu.

D-ro *Kamaryt* rimarkigas, ke en Ĉekoslovakio oni uzis laŭeble la rezolucion de la R. K. sed la estroj de nacia R. K. ankoraŭ ne komprenis la gravecon de la afero.

La *prezidanto* balotigas pri la sekvanta propono kiu estas unuanime akceptata.

*Pri Junula Ruĝa Kruco.*

Ĉi-tiu Konferenco de Geinstruistoj el 28 landoj kaj oficialaj reprezentantoj de 16 registaroj konstatante la grandan edukadan valoron de la Junulaj Sekcioj de Ruĝa Kruco, simpatias kun la nuna instruado de Esperanto inter ili kaj rekomendas ke la Estroj de tiuj Sekcioj en ĉiu lando subtenu la instruadon de Esperanto al siaj anoj laŭ la rekomendo de la Xa Internacia Konferenco de la Ruĝa Kruco kaj organizu interkorespondadon laŭ la rekomendo de la ĝenerala konsilantaro de la Ligo de Societoj de la Ruĝa Kruco. Ĝi ankaŭ rekomendas ke la instruistoj de Esperanto en lernejoj formu sekciojn de Junula Ruĝa Kruco inter siaj lernantoj kiel praktikan rimedon por tuj uzi la lingvon utile.

F-ino *Mikkelsen* konigas ideon de dana kolego: vendado de libromarkoj kun moralaj citaĵoj.

La *prezidanto* legas salutojn kaj bondezirojn leterajn aŭ telegrafajn de Asocio de svedaj Instruistoj Esperantistoj, el Nordlund. Centra Dana Esperantista Ligo. Albana registaro. Grupo Espero en Tallin, Estonio. Aŭstria Laborista Ligo. S-ro Arthur Sohrmann, prezidanto de germanaj esp. instruistoj. D-ro Filippetti, urbestro de Milano.

* *
*

## Kvara kunsido. Merkredon 19 Aprilo, 1922, 15 h.

## Organizo de l'instruadō

En la programo estas la 4. punkto:

*Organizado de la instruado:* Ĉu ekzistas lernantoj tute malkapablaj lerni esperanton? Laŭ kioma proporcio? Ĉu la kaŭzo estas manko je memora aŭ logika rezonado? Ĉu la normala daŭro de la instruado estas diversa laŭ la aĝoj de la lernantoj? Kiel? Ĉu vi havas interesajn spertojn komunikindajn pri ia aŭ alia metodo? Kiom, kiel kaj de kiam vi uzas la parolan metodon kaj la tradukadon? Ĉu vi rimarkis evitindajn erarojn en la instruado?

Kiel vi konsilus la aranĝon de la studjaroj? Ĉu vi rekomendus lernigi esperanton antaŭ aliaj lingvoj? Kiel? Ĉu vi rekomendus daŭrigon post unu jaro aŭ simple instruadon de alia fako per esperanto, ekzemple geografiajn lecionojn en esperanto por konservi la kutimon de la lingvo?

D-ro *Dietterle* raportas pri la organizado de l'instruado.

1. Ĉu estas kelkaj lernantoj malkapablaj lerni Esp.? Inter normalaj infanoj: ne.

2. Kaŭzo de penado iafoje estas manko de logika rezonado. Apartaĵo de Esp. estas la vortfarado. Pri tio oni devas insisti. La metodo de instruado en aliaj rilatoj estas sama kiel por aliaj lingvoj.

3. Certe la normala daŭro estas diversa laŭ la aĝoj. Kiam komenci? En Germanujo ni rekomendas du jarojn, komencante de la antaŭlasta jaro. La lernantoj estas tiam 12—13 jaraj.

4. Spertojn mi havas rilate metodojn de instruado. Entute ekzistas tri metodoj instrui lingvojn: 1. La natura metodo (kiel infanoj lernas la gepatran lingvon). 2. La gramatika metodo. 3. La rekta metodo. Tiu ĉi estas la plej bona se oni uzas ĝin sen troigo.

5. En Germanujo ni uzas la parolan metodon. Oni povas uzi ĝin jam frue en la komenco.

6. Eraroj konsistas precipe el mankoj en la elparolado kaj el naciaĵoj.

7. Tiu ĉi demando estas jam respondita sub numero 3.

8. Esperanton ni rekomendas lerni antaŭ fremdaj lingvoj, sed ne antaŭ la lingvo gepatra.

9. Jes, oni devas daŭrigi la lernadon. Plej granda danĝero estas forlasi la komencitan lernadon.

Oni devas ankoraŭ atentigi pri la elparolado de la lingvo kaj pri naciaĵoj.

Efektive la lernado de lingvo internacia devas enkonduki la infanon en fremdan kulturon. En niaj postuloj ni

estu modestaj. Ni ne postulu tujan devigan enkondukon. Se tio okazus en la tuta mondo ni starus vere antaŭ abismo, ĉar mankus instruistoj. Tio estus tre grava danĝero por nia movado. Ni petu ke la registaro permesu eksperimenton. La instruistoj devas esti tre bonaj. Entute ni estu nek tro postulemaj, nek tro esperemaj, nek troigemaj. Ni fosu nian sulkon.

La *prezidanto* dankas la parolinton pro la metoda enkonduko. Efektive la nuna konferenco estas nur prakonferenco. Estas vero ke 16 registaroj sendis al ni observantojn. Tio jam estas bonaĵo. Sed ni kutimiĝu uzi kaj efektivigi la esprimon „Iom post iom".

Diversaj rimarkoj: al Prof. Cart, Prezidanto de L. K., oni transdonu deziron pri pedagogia vortaro. D-ro Dietterle estas komisiita interrilati pri tio kun S-ro Rollet de L'Isle, komisiata por fakaj vortaroj.

Pri naciaĵoj oni distingu inter „naciismoj" kaj „Eŭropismoj", sed ĝenerale oni povas diri ke la tempo de Eŭropismoj ankaŭ devas ĉesi baldaŭ. Pro la ĉiam pli nombra partopreno de Azianoj en nia movado ni devas ilin laŭeble eviti. Unu demando al D-ro *Dietterle:* Ĉu estas pli bone ke specialisto en Esp. instruu infanojn, aŭ ĉu estas pli bone ke ordinara klasestro tion faru, kvankam ofte tiu ĉi en la komenco estus ne sperta?

D-ro *Dietterle:* Pli bone instruu iu specialisto. Laŭ la gramatika metodo povas ĉiu nescianto tuj instrui, sed laŭ la rekta metodo, tio estas ne eble.

S-ro *Rudhardt* (Ĝenevo): Pli efike instruas klasestro mem. La ĝeneralaj pedagogiaj tendencoj nuntempe celas ke sama instruisto gvidu la studadon de ĉiuj branĉoj. Eble la solvo estas: unue instruu specialistoj ĝis la instruistoj mem (klasestroj) kapablos instrui.

F-ino *Dixon* (Eccles): Mi havas du klasojn. Mi atingas pli bonajn rezultatojn per dek minutoj ĉiutage en mia klaso ol per du horoj ĉiusemajne en klaso ne-mia.

S-ro *Toschi* (Bologna): En Cologna-Veneta oni dividis la lernojaron en du partoj: unue lernis la instruistoj, poste ili instruis.

S-ro *Ludvík* (Kostelec, Ĉeĥosl.): En Ĉeĥoslovakio povas instrui nur ekzamenitoj. (Li legas instruplanon ministrejan).

F-ino *Meyer* (Parizo) opinias, ke oni devas lernigi Esp. kiel eble plej frue. Oni instruu ĝin plej baldaŭ en normalaj lernejoj kaj poste al 9jaraj infanoj.

D-ro *Troegel* (Aŭerbach) opinias ke la seminarioj (Normalaj lernejoj) devas tion ĉi fari. Li spertis ĝin kun sukceso. Ĉiu instruisto devas havi ateston aŭ diplomon. Esp. meritas esti studata serioze.

F-ino *Hogg* (Eccles): Ĉu ekzistas lernantoj malkapablaj lerni? Laŭ mia opinio ne. Ĝenerale Esp. havas preskaŭ magnetan influon sur malfortajn lernantojn. Mi povas citi ekzemplon de du nenormaluloj. Oni konfidis ilin al mi por ke mi provu instrui al ili Esp. Ankoraŭ ne finiĝis la eksperimento. Sed jam ili tre ĝojas lerni kaj interesiĝas.

Direktoro *Schamanek* (Wien) citas ekzemplon de ekstreme moviĝema kaj ŝajne malatenta knabo, kiu tamen sukcesas en Esp., dum li fuŝas ĉion alian.

S-ro *Rudhardt* (Ĝenevo): Nenormalaj lernantoj ne ĉiuj estas en specialaj aziloj. Pro tio kelkafoje estas renkontebla lernanto malkapabla lerni ion ajn. Sed certe, ĉiu lernanto kiu povas sekvi la ĝeneralan lernadon, ankaŭ povas sukcesi lerni Esp. Ĝis nun mi ne vidis iun knabon nekapablan lerni Esp.

S-ro *Haine* (Bruxelles): Pri la aĝo. Mi spertis kun knabo naŭjara per instruado de poezioj franclingvaj kaj de la samaj en Esp.

S-ro *Buttler* (London): Pri la aĝo de la instruotaj infanoj opinias ke ĝi estas indiferenta. Li mem spertis kun siaj infanoj, kiuj de naskiĝo kun li ĉiam paroladis nur Esp. Poste kiam ili lernis la anglan en lernejo, ili okupis baldaŭ la unuan rangon.

D-ro *Dietterle:* Kompreneble mi kontraŭstarus tian eksperimentadon se ĝi fariĝus grandnombre, ĉar tio ja ne estas nia celo.

D-ro *Privat* atentigas pri la manko de instruistoj, kiel tion rimarkigis prave hieraŭ la Italaj delegitoj.

S-ro *Piatti* (Milano): Enketo ĉe Milanaj instruistoj montris ke maksimume 2—3% de la lernantoj iom cerbumadas pro manko de logiko. La infanoj estis 10—12jaraj. Eraroj evitindaj ne mankas: novaj estas ja la instruistoj kaj la lernoobjekto mem. Taŭga ekzerco estas analizo de tekstoj. Dujara studado ĝenerale sufiĉas por doni jam vastan konon de la lingvo. En la dua jaro la Milanaj lernantoj povas jam diskuti facile pri temoj plej diversaj. Esp. estas vere modelo de lingvo. Oni rimarkis en Milano ke klasoj gvidataj de specialistoj malpli sukcesis ol klasoj gvidataj de la klasestroj. Instruistoj estas cent.

La *prezidanto* resumas la diskuton. Estis en la instruado de Esp. tri ŝtupoj: 1. Libervolaj kursoj por instruistoj. 2. Oficiala kurso post decido de urbestraro fari rapide eksperimenton. 3. La eksperimento okazas. Prudente estas sekvi singarde tiujn tri ŝtupojn. La unua estas nepre necesa. La tuta laboro de naciaj societoj estas prepari instruistojn.

S-ro *Haine* (Bruxelles): En Belgujo ekzistas certaj premioj, kiujn donas la registaro al instruistoj posedantaj apartan fakan diplomon. Tial estus antaŭ ĉio dezirinde ke la registaro kreu premiojn por Esp. Tiam certe granda nombro da instruistoj tuj farus la ekzamenon.

D-ro *Privat*: La Ĝeneva registaro ja donis subvencion al la instruistoj, kiuj lernis Esp. Sed bazi ĉion sur nura gajno estus danĝero. La oficiala kurso perdas iomete de la morala flamo. Fervoro estas tre valora ĉe eksperimentoj aŭ ĉe komencoj. Alia punkto restas diskutinda: Ĉu oni devas klopodi ke la eksperimento estu deviga aŭ ne?

S-ro *Rota* (Milano) sciigas, ke en Milano ĝi estis nedeviga, sed klarigas pri nedevigeco por enskriboj, sed ne por vizitado de la kurso. Ĉe nedeviga eksperimento la gepatroj respondas jese aŭ nee laŭ la loko kaj cirkonstancoj.

D-ro *Privat:* En Ĝenevo la eksperimento estas deviga por ĉiuj lernantoj, same kiel iu ajn el la ordinaraj fakoj. Kelkaj gazetoj kritikis, sed ne la gepatroj mem.

S-ro *Kamaryt* (Bratislava) aprobas nedevigan eksperimentadon.

F-ino *Dixon* (Eccles): Ĉe ni la eksperimento estas deviga, sed ĉiuj lernantoj ŝatas la Esp. instruadon. Mi rekomendas aparte la uzon de ludoj en la lecionoj. Oni tion ĉi povas fari jam post unu aŭ du lecionoj. (Ekzemple ludo: „Mi iris al Parizo por aĉeti ... kion?" „Metu kaj prenu.") Ĝenerale ludoj estas tre utilaj.

S-ro *Sevenhuijsen* (Haarlem) faris malagrablan sperton kun la nedeviga instruado. Malbonaĵo estas interalie, ke en tiu okazo la lernantoj Esperantistaj devas resti en la lernejo post la aliaj.

S-ro *Beckmann* (Svedlando): La plej granda malhelpo ĉe nedeviga instruado estas, ke tiam la lingvo internacia tro ŝarĝas la lernantojn. Se oni aldonas en la programon instruon de Esp., oni devas malŝarĝi ĝin alimaniere.

D-ro *Dietterle* klarigas la vorton deviga, kaj nedeviga. En germanoj ŝtatlernejoj „nedeviga" signifas fako elektebla kaj poste regule sekvota.

La *Prezidanto*: Resume la ĝenerala deziro de la konferenco estas ke la eksperimentoj estu laŭeble devigaj. Se ne eble, tiam ili estu „Elekteblaj", t. e. nedevigaj en la enskribado, sed devigaj en la vizitado. La absolute deviga sistemo devas esti celata kaj atingata iom post iom.

*Akcepto de Gesinjoroj Nitobé.*

Je la 17.30 S-ino kaj D-ro Nitobé, vic-sekretario ĝenerala de la Ligo de Nacioj, afable akceptas la konferencanojn en la centra salono de la Sekretarieja Domego. Trinkante teon oni vigle babilas kaj interkonatiĝas.

* * *

**Kvina kunsido, 20. Aprilo 10 h. matene.**

**Ŝtupoj al oficialigo**

*La Prezidanto* resumas la laboron de la du lastaj kunsidoj. Temas nun pri la oficiala enkonduko de esperanto en lernejoj. La delegitoj respondu laŭ la parlamenta demandaro al ili disdonita.

*Parlamenta demandaro.*

1. Ĉu Esperanto estas instruata en via lando kiel eksperimento aŭ pro definitiva decido?
2. Kiu decidis la aferon?
3. Kiu proponis?
4. Kiu apogis?
5. Kia estas la rolo de la Nacia Parlamento en tiu rilato?
6. Kia estas la rolo de provinca konsilantaro?
7. Kia estas la rolo de urba aŭtoritato?
8. Ĉu la koncerna aŭtoritato provis ion por certigi reciprokecon eksterlande?
9. Ĉu reciprokeco estis aludita dum la diskutado?
10. Kiu povo en via lando rajtas trakti pri reciprokeco?

D-ro *Privat* donas ekzemplon pri la decido en Ĝenevo 1. kiel eksperimento, 2. la Departamento post favora decido de la inspektora konferenco, 3. Komitato de universitataj profesoroj, 4. direktoro de la Instruado unuagrada, 5. nenia, 6. kritiki la elspezon kaj eventuale baloti pri leĝo por definitivigi la enkondukon, 7. nenia, 8. la Departamento por publika instruado enketis ĉe alilandaj ministrejoj samfakaj, 9. jes en la gazetoj, 10. la svisa ministrejo por eksterlando laŭ peto de la kantonaj registaroj, ĉar ekzistas ja neniu centra svisa aŭtoritato pri lernejoj. Ĉiu el la 25 respublikoj (kantonoj) estas memstara pri tio.

S-ro *Rota* (Milano): 1. eksperimento dum la unua kaj dua jaroj. Definitive dum la tria, 2. urba konsilantaro, 3. urbestraro, 4. lokaj societoj, gazetoj, laborista loĝantaro, 5. nenia krom eventuale por tutlanda deviga leĝo, 6. nenia, 7. pagas elspezojn, 8. la urbestraro skribis al Romo petante intervenon ĉe Ligo de Nacioj, 9. aludita dum la diskuto ĉe la urba konsilantaro, 10. itala ministro por eksterlando.

S-roj *Vaona*, Alessio kaj Toschi aldonas klarigojn laŭ jena respondaro:

*Italio.* 1. a) El la kvar urboj kie Esperanto estas instruata en komunumaj lernejoj, nur unu (Milano) enkondukis ĝin kun deklaro pri definitiveco; la aliaj Bologna, Cremona kaj Cologna Veneta enkondukis ĝin kiel eksperimenton, la du unuaj en popolaj superaj lernejoj, la tria en sia teknika Mezlernejo. b) Plie, E. estas enkondukata nedevige en 6 Maristaj Institutoj. Ĉie ĝi estas konsiderata kiel fako elektebla. Ni devas do respondi divide por a) kaj b) ankaŭ al la dua demandoj.

2. a) En komunumo Milano kaj Cremona la aferon decidis la urba konsilantaro, en Bologna, manke de urba elektita konsilantaro, la reĝa urbestra komisario, en Cologna la Direktoro de la lernejo teknika. — b) Por maristaj Institutoj la Ministro por Maraferoj *permesis* kaj *konsilis* la kursojn per cirkulero al ĉiuj Institutestroj, informante al ili ekziston de Itala Federacio, kiu donas la instruistojn.

5., 6. Por la elementaj, popolaj lernejoj estas kompetenta la urba administrantaro t. e. „komunuma konsilantaro" enkonduki elekteblajn studofakojn, sed por devigi ilian instruadon necesas leĝo aprobata de Parlamento. Nur por la financa flanko necesas vizo de provinca administrantaro al la decido komunuma.

Rilate la mezlernejojn ili tute dependas de Registaro (Ministrejo de P. I.) krom malmultaj parigitaj lernejoj dependantaj de komunumoj. Por nedeviga instruado ĉe ili sufiĉas do Ministra decido, por deviga necesas parlamenta decido.

10 Pri reciprokeco rajtas ĉe ni pritrakti la P. I. Ministrejo tamen nur tra perajo de Eksterlanda Ministrejo.

D-ro *Dietterle* respondas pri germanaj lernejoj: 1. en 123 lokoj, ie kiel eksperimento, ie definitive. Ĝenerale kiel elektebla studfako. En kelkaj vilaĝoj devige, 2. urbestraroj, 3. instruistaro, 4. lokaj societoj, 5. nenia. Parlamentoj Saksa kaj Hessa jam aludis, 6. ne ekzistas, 7. decidas pri elektablaj fakstudoj, 8. tial sin interesis pri la konferenco en Ĝenevo, 9. ĉiam. Multe helpis raportoj pri anglaj eksperimentoj, 10. ministro por eksterlando.

F-ino *Hogg* respondas pri anglaj lernejoj: 1. eksperimento deviga, 2. la urba eduka komitato, konsistanta el granda parto de la anoj el urba konsilantaro, 3. la instruistoj al la lernejestro, 4. ĉefinspektoro, 5. nenia; nur povas aprobi aŭ malaprobi la ministrejo de publika instruado. Ĝis nun aprobis, 6. nenia, 8. kelkaj sin interesis tial al la Ĝeneva konferenco, 9. jes, 10. ministro por eksterlando.

S-ro *Young* respondas por Skotlando: 1. eksperimentoj devigaj, 2. eduka komitato graflanda, 3. Skota federacio, 4. Komerca ĉambro, 5. Same kiel Anglujo, 6. Pagas elspezojn, 7. Same ankaŭ, 8., 9. Ne, 10. Same kiel Anglujo. S-ro Young aldonas ke en Skotlando la eksperimento estas farata nur kun knaboj ĉar la knabinoj kudras dume.

S-ro *Fridrich* respondas por Ĉekoslovakio: 1. provizore kiel elektebla fako, 2. ministro de Publika instruado, 3. nacia societo, 4. profesoroj, 5. ĝis nun nenia, definitiva leĝo devus esti balotata, 6. aprobi programojn, 7. nenia, 8. Ĉefministro apogis ĉe Ligo de Nacioj, 9. en gazetaro, 10. ministro por eksterlando. S-ro Fridrich aldonas ke la instruado funkcias nun kiel elektebla fako en 15 popolaj lernejoj, 3 mezgradaj kaj 1 profesia. La ministro aprobis 2 lernolibrojn oficiale kaj elektis 3 ekzamenantojn, 2 por Ĉeĥoj, 1 por Germanoj.

*La Prezidanto* opinias ke tiuj respondoj sufiĉas por montri al la Konferenco ke la cirkonstancoj estas malsamaj. en la diversaj landoj kaj ne povas reguliĝi unuforme. Restu libereco. Nur pri reciprokeco la registaroj povas trakti per sama organo.

S-roj *Sinpak* kaj *Kenn* raportas pri Ĉina Respubliko El iliaj diroj estas rimarkeble ke en Ĉina Respubliko la parlamento ankoraŭ ne diskutis la aferon, sed multaj parlamentanoj aprobas ĝin. Decido de la ĉina parlamento ne estas necesa por la enkonduko en lernejojn, ĉar ekzistas jam ministra decido de 1911 pri tio. La lasta kongreso de ĉina instruistaro en Kanton postulis aplikon de ĝi.

S-ro *Kavaniŝi* (Japana delegito): La japana parlamento, ricevinte petskribon pri Esp. transdonis ĝin al la ministrejo de publika instruado kun favora rekomendo.

S-ro *Fuĵisaŭa* sciigas ke li ĵus estas komisiita de tiu japana ministrejo por oficiale raporti pri la nuna Konferenco.

*La prezidanto* petas lin sidi tiam kun la japana delegitaro. Li resumas la diskuton pri enkonduko en lernejojn, kaj rememorigas ke speciala komisiono estis elektita en Praha por labori pri tio.

D-ro *Kamaryt* raportas pri tiu komisiono. Li rimarkigas ke en ĝi mankas ankoraŭ reprezentantoj el multaj landoj. Jam ĝi elektis sian prezidanton kaj sekretarion. Ĝia tasko estas duobla: 1. kolekti dokumentojn por konvinki la registarojn pri la samtempeco kaj ĉiulandeco de la klopodoj por esp. 2. Agi ĉe tiuj registaroj por la eventuala enkonduko. Li proponas konstantigi la Komisionon. Pri tio temas la „propono pri centro por instruado de Esp. en lernejoj".

Post diskuto D-ro Privat proponas ke la Komisiono kompletigu sin. Por ĉiu lando devas esti en ĝi unu membro nomata de la nacia societo kaj alia membro reprezentanta la registaron. Ĝis tio ĉi okazos, estu membro ĉiu ĉefdelegito al la nuna Konferenco.

La propono estas akceptata laŭ la jena teksto:

La Konferenco decidas konstantigi la Komisionon elektitan en Praha kaj starigi internacian centron dokumentan kaj agadan pri Esperanto en lernejoj.

La estraro de la komisiono organizu tiun centron sub nomo Oficejo aŭ Instituto kaj decidu provizore pri la loko.

D-ro *Czubrynski* prezentas proponon pri agado ĉe la diversaj landaj parlamentoj. (Vidu la koncernantan dokumenton.) Li proponas jam korekti la tekston, ŝanĝante la formon demandan en formon proponan. Li atentigas pri la graveco de tio, ke oni submetu agadan centron al aŭtoritata neŭtrala institucio, kiu nature povas esti nur la Ligo de Nacioj. Ni lasu la Komisionon elekti la plej ĝustan vojon por tio. Nature la naciaj societoj ne devas agi senpere sur la parlamentojn, sed pere de parlamentanoj.

Post diskuto, en kiu partoprenas S-roj Kauffmann, Kamaryt, Czubrynski, Dietterle, Alessio, Sevenhuijsen, Fuĵisaŭa, Haine, Rudhardt, Beckmann, Poncet kaj Privat, estas akceptata la jena teksto, kiu servu kiel bazo al la Komisiono por trakti la aferon:

„La konferenco instigas la naciajn societojn, ke ili sin turnu al siaj Parlamentoj pere de deputitoj kun la propono ke la registaro enmetu en la programon de la lernejoj la instruadon de la internacia helplingvo Esperanto de D-ro Zamenhof sub la rezervo ke aliaj Parlamentoj faros la samon."

*La prezidanto* malfermas diskuton pri prezentitaj modeloj de akordoj eventuale proponeblaj pli malfrue al kelkaj registaroj kaj pri deziresprimo al la Ligo de Nacioj.

Post korekto de *S-ro Alessio*, la jenaj tekstoj estas unuanime aprobitaj kiel bazo par estonta redaktado de definitiva akordo.

*Propono de internacia akordo A.*

„La subskribintaj landoj, konfesinte la gravecon disvastigi internacian helplingvon por faciligi tutmondan rilaton, promesas enkonduki per sia lerneja leĝaro la instruadon de Esperanto en sian publikan lernejaron."

*Propono de internacia akordo B.*

„La subskribintaj landoj konfesinte la gravecon disvastigi internacian helplingvon por faciligi tutmondan rilaton kaj konfesinte la dezirindecon ke ĉiu lando ekzamenu la rimedon por enkonduki la instruadon de Esperanto en sian lernejaron, promesa komuniki al la Ĝenerala Sekretario de la Ligo de Nacioj ĉiun leĝon aŭ administran dokumenton pri la instruado de Esperanto en sia lernejaro kaj ankaŭ sendi al la Ligo jaran raporton pri la stato de tiu instruado en sia lando.

La ĝenerala Sekretario komunikos la ricevitan informaron al la Membroj de la Ligo per perioda raporto."

*Deziresprimo al la Ligo de Nacioj.*

La Internacia Konferenco pri instruado de esperanto en lernejoj ekzameninte la spertojn kaj rezultatojn atingitajn sur tiu kampo submetas al la bonvola konsiderado de la Ligo de Nacioj la jenan rekomendon, kiu esprimas la deziron de la edukaj aŭtoritatoj oficiale reprezentataj ĉe la Konferenco:

Konstatinte la lingvajn malfacilaĵojn, kiuj malhelpas rektan interrilaton inter la popoloj kaj konstatinte la urĝan neceson rimedi al tio por faciligi bonan komprenon inter nacioj,

Konstatinte la disvastiĝon kaj kreskon jam konsiderindajn de esperanto kaj la rimarkindajn rezultatojn atingitajn per instruado de tiu helplingvo en la publikaj lernejoj de pluraj ŝtatoj, kie ĝia pedagogia valoro estas atestita,

La Ligo de Nacioj bonvolu rekomendi, ke tiu instruado estu ĝeneraligata en la publikaj lernejoj de ĉiuj landoj kiel praktika kaj popola rimedo por internacia komunikado, neniel celanta atenci la centjarlongan prestiĝon de la naciaj kulturlingvoj,

La Ligo de Nacioj bonvolu inviti siajn anojn konigi al ĝi la paŝojn, kiujn ili decidos pri tio, ĉu per leĝo, ĉu per administraj dekretoj, tiamaniere ke la Sekretariaro ĝenerala povu siavice informi ilin pri la grado de reciprokeco kaj universaleco de tiaj decidoj.

Diversaj proponoj:

1. Telegramoj estos senditaj al la Konferenco en Genova, al la lerneja komisiono en Eccles, por ĝin gratuli, kaj al aliaj diversaj institucioj, laŭ indiko de la delegitoj. (Akceptata.)

2. Vizito de la Ekspozicio en Instituto J. J. Rousseau estas rekomendata al la konferencanoj.

3. S-ro Page estas komisiata kolekti liberajn monajn donacojn por presado de la konferencaj dokumentoj.

4. La plena listo de la konferencaj delegitoj estas presita, kaj havebla. La delegitoj uzu ĝin kiel propagandilojn en siaj landoj.

5. Telegramoj estas ricevitaj de S-ro Dubois kaj Unger. (Dankon.)

6. D-ro Bovet morgaŭ la tutan tagon estos ĉe la Ekspozicio, kaj volonte klarigos al la vizitontoj.

7. S-ino Alphonse invitas la Konferencanojn ĉeesti morgaŭ vendredon je la 10 horo matene komedieton luditan de ŝiaj junaj lernantoj.

* * *

## Sesa Kunsido la 20 Aprilo, 15 h.

## Finfermo kaj rezolucioj.

Diversaj proponoj.

S-ro *Nunez y Rey* (Madrido) prezentas proponon de rekomendo al policanoj lerni Esp. La propono estas unuanime akceptata. (Dokumento 14).

„Ĉi tiu konferenco de geinstruistoj, konstatante la grandan praktikan valoron de Esperanto, simpatias kun la nuna instruado de la internacia lingvo inter policanoj, por helpo al la fremdaj vojaĝantoj sur stratoj kaj rekomendas ke la policestroj en ĉiu lando subtenu ĝian instruadon."

S-ro *Kenn* (Ĉino) prezentas duoblan proponon 1. organizo de internacia Esperanta Eldonanta Asocio. Li pensas, ke plej grava por Esp. estas la literatura disvolviĝo. 2. instruado de Esp. en la elementa lernejo.

Pri la unua parto de la propono la Konferenco decidas, ke ĝi estu komunikata al speciala komisiono konsistanta el S-roj Rollet de Lisle, Kenn, kaj Dietterle. Pri la dua parto S-ro Kenn rezignas ĉar la samaj ideoj troviĝas en manifesto proponata de la Brita Delegitaro.

*Propono pri „Internacia Esperanta Eldonanta Asocio“.*

Por ke Esperanto progresu, estas necese ke ĝia uzado praktike disvastiĝu, sed tio ne rezultus esceptinte ke Esperanta literaturo havus grandan influon en la politika, komerca, kaj intelekta rondoj. Por atingi tiun celon, estas necese por la komenco organizi „Internacian Esperantan Eldonantan Asocion“. Jen estas kelkaj ideoj:

La Asocio estos fondata laŭ la komuna konsento de ĉiuj landoj kaj enhavos por siaj Membroj ĉiujn spertajn Esperantistojn kaj Esperantistajn aprobantojn.

La „Eldona fako“ fariĝos la plej granda parto de la Asocio kaj laboros por traduki ĉiujn diverslingvajn verkajojn, sciencajn kaj literaturajn, kiuj estas famaj aŭ noveldonitaj.

La Asocio devos havi grandan presejon. Ĉiuj eldonitaĵoj estos vendotaj malkare, ne por profito, sed por Esperantismo.

Por proviza kaj subtenanta mono ĉiuj delegitoj de la konferenco petu subvencion de la registaro kaj de la popolo de sia lando.

S-ro *Page* (Edinburgh) prezentas manifeston, en la nomo de la Brita Delegitaro. Ĝin dissendu la Konferenco al la instruistaro tutmonda. Paragrafon post paragrafo estas tiu dokumento esplorata kaj bonigata. La ĝenerala sekretario estas komisiita zorgi pri ties taŭga redakto. La diskuton partoprenas S-ro Kauffman, F-ino Meyer, S-roj Stroele, Bovet, Fridrich, Troegel, Dietterle, F-ino Pomarici, S-roj Haine, Ludvík, Butler, Perrenoud. La definitiva teksto solene proklamiĝas kiel la ĉarto (principaro) de la Konferenco, resumante ĉiujn atestojn aŭditajn. (Vidu la tekston sur paĝo 1a). Angla kaj franca traduko estis disdonita. Oficialaj delegitoj de Instruaj ministroj por Finnlando, Ĉina Respubliko kaj Aŭstrio subtenis la aldonon „kaj reprezentantoj de 16 registaroj“, kiu estis unuanime akceptata.

La prezidanto anoncas ke la delegitoj en la Konferenco, kiuj ankoraŭ ne transdonis sian skriban raporton pri spertoj faritaj en siaj landoj, estas petataj transdoni ĝin plej baldaŭ al la ĝenerala sekretario.

Prof. *Bovet* (Genève) anoncas, ke de la 28 Julio ĝis 1 Aŭgusto en Ĝenevo okazos internacia Kongreso pri Morala Eduko, kiun interalie partoprenos kelkaj famaj Eŭropaj pedagogoj. Al Esperantistaj pedagogoj D-ro Bovet tre rekomendas partopreni la kongreson, ĉar tie estos diskuto pri redaktado de tuteŭropa historiverko kredeble tradukota Esperanten. Ankaŭ la Ĝenevaj Somerkursoj traktos pri internaciaj aferoj.

S-ro *Sevenhuijsen* (Haarlem) kore dankas la Konferencon, kaj raportas pri Internacia Pedagogia Revuo Li rekomendas al ĉiu konferencano aliĝi la Internacian Asocion de Instruistoj

D-ro *Troegel* (Auerbach) rekomendas, ke la instruistoj ne fondu novan revuon sed plivole eniru kiel fakgrupo la Internacian Sciencan Asocion.

S-ro *Hahn* (Dresden) rekomendas, ke ĉiu lando havu sian unuiĝon de geinstruistoj.

La Prezidanto esprimas bondeziron al la sukceso de la Internacia Asocio de Instruistoj, kiu povas fariĝi tre grava en la estonto.

S-ro *Antoni Czubrynski* (Varsovio) petas la ĉeestantajn Esperantistojn, ke ili ĉie kaj ĉiam kolektu Esperantaĵojn aŭ skribe konigu siajn memoraĵojn, por ke ne perdiĝu la materialo rilatanta al la historio de helplingvo.

S-ro *Alessio* (Padova) proponas, ke oni danku al la Ligo de Nacioj pro la al ni farita servo, kies gravecon ni ĉiuj plene sentas. Ke nia konferenco povis tiel serioze esti kondukata, ni dankas al nia estiminda gastiganto, la Ligo de Nacioj.

La Prezidanto demandas ĉu li samtempe al la Ligo transdonu la decidojn kaj esprimon de danko. Per baloto la konferenco esprimas sian unaniman konsenton.

S-ro *Page* (Edinburgh) dankas al la sep geoficistoj de la Ligo, kiuj lernis Esperanton kaj dum la Konferenco kvazaŭ magie multobligis kaj disdonis 30 dokumentojn. La Konferenco estis grandega sukceso kaj profunde impresis ĉiujn partoprenintojn.

D-ro *Dietterle* (Leipzig) parolante pri la broŝuro de D-ro Privat „Ĉe la koro de Eŭropo“ rimarkigas ke por Esp. instruistoj tre vere Ĝenevo estas la koro de Eŭropo. Li atentigas, ke per la Konferenco oni komencis novan aĝon en la historio de interhomaj rilatoj. En la nomo de ĉiuj konferencanoj, stariĝintaj por aplaŭdi, li dankas al D-ro Privat pro lia talenta prezidado, kiu per takto, bonhumoro kaj ordo ebligis efikan laboradon. Li dankas ankaŭ pro la modela organizo de la tuta konferenco, kiu funkciadis tiel regule kaj akurate kiel poŝhorloĝo. En tri tagoj vasta faktaro estis klasigata laŭ admirinde preparita programo.

D-ro *Privat* dankas pro la afablaj vortoj kaj deziras transdoni la gratulojn al la Instituto Jean-Jacques Rousseau, al ĝia eminenta direktoro, profesoro Bovet kaj al la senlacaj helpantoj de la loka organiza komitato, kiuj tiel sindone kunlaboris por ĉiuj detaloj. Li dankas ankaŭ al la ĝenerala sekretario W. Perrenoud kaj al S-roj Buttler kaj Stroele, L. K. anoj, kiuj senlace protokolis la kunsidojn. Li rememorigas kortuŝe pri la Majstro, kiu jam de longe profetis la Ligon de Nacioj eĉ antaŭ ol Usona prezidanto ĝin oficiale proponis. Ankaŭ-li aludas al grava pensforto kaj laboro de Hector Hodler, fondinto de UEA. (Honore al tiuj du neforgeseblaj mortintoj la ĉeestantaro ekstaras kelkajn sekundojn). Nun la enkonduko de esperanto en lernejoj kuŝas sur fortika bazo dokumenta. La faritaj eksperimentoj montras ke la registaroj riskus nenion enkondukante la lingvon, ĉar anstataŭ pliŝarĝi la programojn, kontraŭe esperanto faciligas la aliajn studojn kaj ŝparas valoran tempon. Tio estas la grava nova elemento alportita per la Konferenco. Ankaŭ estas ja klare ke preparado de pli multaj instruistoj urĝas kaj necesas antaŭ ĉio. De ŝtupo al ŝtupo ni marŝu regule kiel saĝa montiranto. Diskonigo de nerefuteblaj faktoj efikos ĉie.

La mondo estas laca pri nuraj paroloj. Ĝi deziras faktojn. Tion alportis la Konferenco, sed ni ĉiuj sentas ke pli profunda inspiro instigas nin al agado. Ne pro materialaj interesoj ni batalas, sed pro la plej alta homa idealo. Pensante al la tutmonda infanaro, al geknabetoj en okcidento kaj oriento, ĝoje kuretantaj al lernejo kun blua kajero sub la brako, ni volas doni nian vivon por ke neniam plu minacu ilin la granda buĉado, neniam plu la detruo de vilaĝoj, la devigo al krimo kontraŭ homaj fratoj. Per nia modesta, sed firma partopreno en la rekonstruo de nova mondo, ni volas certigi al la etuloj de la venanta generacio helan printempon kaj pacan kolektadon de feliĉigaj floroj sur la verda kampo de paca kunvivado.

La ĉeestantaro leviĝas en tondra aplaŭdado.

La Konferenco estas fermata.

La ĝenerala sekretario: *William Perrenoud.*

# Kvin vesperaj kunvenoj

Granda parto de la konferencanoj jam alvenis Dimanĉon en Genève. Lokaj gesamideanoj afable deĵoris en stacidomo kaj en la akceptejo ĉe Hotel Richemond. Jam je la 3a posttagmeze la ĝeneva grupo „Stelo“ gastigis la alvenintojn por teo en la oranĝejo de la Parko de la Grange.

Je la 6a S-roj Page kaj Horner gvidis diservon en Esperanto en la fama katedrala kapelo de la Makabeoj antaŭ 150 personoj. La ĝeneva Ekleziestraro sendis sian prezidanton S-ron Christen por saluti la ĉeestantojn.

Vespere je la 9a kvindeko da Konferencanoj jam troviĝis en la Zamenhofa Domo, kie gastigis ilin afable la Ligo de Virinoj por Paco kaj Libereco. Al noblaj vortoj de la ĝenerala Sekretariino F-ino Balch, el Usono, danke respondis S-roj Page kaj Dietterle.

Lundon, malgraŭ pluvego, kvindeko veturis al Lausanne sur la lago kaj okupis preskaŭ sole la vastan salonon de la rapida vaporŝipo. Geinstruistoj diverslandaj interkonatiĝis kaj interŝanĝis spertojn.

En Lausanne atendis kvardeko da svisaj esperantistoj, kiuj ankaŭ tagmanĝis kune en Hotelo d'Angleterre. Salutparolis la prezidanto de la Svisa Esp. Societo D-ro Privat, laŭzanaj esperantistoj Thonney, de Lerber, Butin, F-ino Schenk kaj respondis S-roj Sevenhuijsen, Merchant, vicprezidanto de Brita Asocio, Kenn, abato Ĉe, D-ro Troegel, S-ro Fridrich, F-ino Meyer. Harmonie kantis ĥoro de la grupo Zamenhof.

Lundon vespere ĉiuj konferencanoj retroviĝis en la „Domo de l'etuloj“ de l'Instituto J. J. Rousseau, kie S-ino kaj Profesoro Bovet afable gastigis ilin kun siaj studentoj kaj kun la fama psikologo Ed. Claparède. En la diversaj ĉambroj de tiu pedagogia eksperimentejo, ĉiuj admiris la instruajn ludilojn, bildojn, artaĵojn uzatajn aŭ fabrikitajn de infanoj mem. Prof. Bovet, lerninte Esperanton dum kvartaga „gripo“ iom antaŭ la konferenco faris en tiu ĉi lingvo admirindan klarigadon (sen notoj) pri la Instituto J. J. Rousseau, kiu celas studi senpartie ĉiujn faktojn rilatajn al edukado laŭ scienca metodo. Tial ĝi devas ankaŭ enketi pri la novaj eksperimentoj de Esperanto-instruado en lernejoj. Ĉiuj miris pri la bonega elparolado de la konata pedagogo kaj D-ro Privat lin gratulis kaj dankis tutkore.

* * *

La 18. aprilo vespere, en la „Aula“ de la Universitato, kiun la malnovaj Esperantistoj memoras, pluraj centoj da personoj, precipe neesperantistaj, estis salutataj de S-ro Ŝtatregisto Mussard, prezidanto de la Departemento pri Publika Instruado en Respubliko kaj Kantono de Genève. Al tiu eminentulo nia movado ŝuldas gravan rezultaton. De la lasta septembro en ĉiu 7a klaso de unuagradaj lernejoj, 13—14jaraj geknaboj devige lernas Esperanton. S-ro Mussard tute ne pretendas tiel forigi la lernadon de l' fremdaj lingvoj; eĉ male, li opinias Esperanton la plej bona preparo al tiu lernado. Per la nuna proveto, li jam miris pri la diligento de la instruistaro kaj de l' lernantoj; kaj li antaŭvidas tre proksima la jenan akiraĵon, ke post kelkaj semajnoj, do entute post malpli ol unu jaro, la lernintoj de Esperanto scios la lingvon kaj kapablos ĝin uzi, dum la lernintoj de aliaj fremdaj lingvoj devos ankoraŭ studi dum 6 aŭ 7 jaroj. Sed, sed, S-ro Mussard pro tiu lia iniciato ricevis eble pli da riproĉoj ol da gratuloj, precipe de iuj ĵurnaloj...

Kaj D-ro Privat konstatas, ke por ŝtatistoj ne estas ĉiam agrable fari eksperimentojn. Tamen ekzistas iuj voluloj, kiuj ne facile flanklasas sian volon bone pripensitan: S-ro Baudet estas tia.

S-ro André Baudet, membro de l' Komerca Ĉambro de Paris, estas delegita de tiu potenca korporacio al la Konferenco, kaj li klarigas kial kaj kiel la Komerca Ĉambro de Paris unuanime decidis, post serioza studo kaj severa provado, instrui Esperanton en siaj komercaj lernejoj kaj rekomendi al ĉiuj aliaj Komercaj Ĉambroj same procedi. Bedaŭrinde, pro malsano, S-ro Pascalis, prezidinto de la K. Ĉ. de Paris, ne povis veni al Genève. Ĉar li ankaŭ estus atestinta la rezultatojn jam konstatitajn. Dum vintro 1921—1922 laŭvolaj kursoj estis malfermitaj en 3 komercaj lernejoj, poste en kvara. Dum proksima oktobro same estos en Lernejo de Superaj Komercaj Studoj (800 lernantoj). Sed jam nun, post 18 instruhoroj, 16—18jaraj junuloj, posedantaj nur unuagradan instruon, povas korespondi kaj paroli. Per Esperanto ĉe la lernantaro S-ro Baudet antaŭvidas la printempon de internacia lingvo. Aplaŭdoj varmaj pruvis kiom vigle kaj vive interesa estis la paroladanto, kiu tre sprite klarigis la mekanismon de la lingvo, komparante la vortaron kun kalkulmaŝino kaj la gramatikon kun la instrulibreto vendata kune kun la maŝino.

Fremdaj Esperantistoj el plej diversaj nacioj pruvis al la aŭdantaro, ke la akcento apenaŭ diferenciĝas laŭ la deveno de l'parolanto, kaj ke la interkompreniĝo estas perfekta.

S-ro Kenn, ĉina delegito, alportis novaĵojn el malproksima Oriento kaj konigis sian ĉarman impreson pri la esperantista ĉefurbo Genève.

Plej idealiste Profesoro D-ro Kamaryt, delegito de l' Ministra Pedagogia Instituto „Komenský“, difinis, ke Esperanto realigos la plej gravan tendencon de nuna epoko, tendencon de racionalismo. Nuna epoko pli kaj pli intense kredas, ke la homa intelekto scias trovi la veron, laŭ kiu oni povas aranĝi pli bela kaj pli praktika la vivon.

S-ro D-ro Steche, eks-deputito ĉe la Saksa Parlamento, delegito de la Saksa Ministro pri Ekonomio, ĝojas pri la sukcesoj en Paris, kiujn same li atingis antaŭ du jaroj ĉe la Komerca Ĉambro de Leipzig kaj de Nürnberg. Li esprimas siajn dankojn al la urbo Genève, kies nun malsekaj muroj tamen ne malvarmigas la fidon de la Esperantistoj.

Genève, hejmon de batalantoj por la rajtoj de l' nacioj, salutas S-ro Prof-o Collinson, de la Liverpoola Universitato; 25 kolegoj liaj kaj precipe profesoroj de natursciencoj subskribis peton al Ligo de Nacioj, ĉar Esperanto tre taŭgas por disvastigo de sciencaj informoj, kiel ekzemple pruvis la saman matenon pri filologio ĉina samideano.

S-ro Abato Ĉe, profesoro en Cluĵ, opinias, ke la Esperantista movado staras nun antaŭ plej alta tribunalo, la Ligo de Nacioj kaj li raportas, ke en Rumanio, pro neinstruado de Esperanto, en meza lernejo estas pogranda lingvoinstruado (6 aŭ 7 klasikaj kaj vivantaj lingvoj). En 32 ĉiusemajnaj instruhoroj, 18 estas dediĉataj por lingvoj!

Oni scias, ke la urbestraro de Milano de unu jaro enkondukis Esperanton kiel instrufakon nedevigan en komunumaj lernejoj. Tion memorigas Fino Pomariĉi, instruistino, delegita de Instituto de Esperanto por Lombardio, kun kanta akcento, kaj ŝi citas ciferojn: en Milano, 50 kursoj, pli ol 3.000 Esperantanoj.

Japanlando, de 60 jaroj, post kiam la fremduloj estis akceptitaj en la insuloj, estas malfeliĉa lando,... ĉar tie oni devas lerni multajn lingvojn tre malfacilajn por la tieuloj. Sed ĝi fariĝos plej feliĉa lando, kiam Esperanto sufiĉos por ke la Japanoj povu ĉiucele kaj facile komuniki kun la aliaj landoj. Tiun brilan sunleviĝon en la lando de l' leviĝanta suno antaŭvidas S-ro Fujisaŭa.

Post tiaj konvinkantaj elmontroj al la urba publiko, la konferencanoj estis invitataj al la Socia Lernejo por Virinoj, kiu preparas sociajn laborantinojn, vizitantinojn, orfandirektorinojn, sekretariinojn, bibliotekistinojn, k. t. p. tre ĉarma Fino Beck, direktorino de l' studoj, eklerninte Esperanton nur antaŭ kelkaj monatoj, sukcesis nin saluti per vortoj tre aplaŭdataj, ĉar venantaj el koro. D-ro Privat siavice instruis nin pri la Socia Lernejo kaj ĝia celo. La fremdaj Esperantistoj forportis el Genève impresigan konstaton, ke en tiu urbo ekzistas multaj ne nur internaciaj institucioj sed ĉiuspecaj klerigaj institutoj, kiuj, kiel ankaŭ Instituto J. J. Rousseau, estas kaj meritas esti mondfamaj.

* * *

La Ateneo, apud la konataj Bastionoj, estas palaco de la Belarta Societo. En ĝi oni admiras pentraĵojn, kaj la Esperantistoj tre atentis tiujn de Fernand Hodler, kiuj, se la spirito de Hector Hodler ne ĉiam vivus inter ni, kaj se tre afabla S-ino H. Hodler ne estus ĉeestinta, estus memorigintaj al ni unu el tiuj hieraŭaj pioniroj al kiuj ni ŝuldos nian morgaŭan sukceson.

En salonego de tiu palaco, la Anglo-Ĝeneva Societo organizis merkredon vespere publikan kunvenon en la angla lingvo. La ĉambrego estis plena. Multaj intelektuloj kaj eminentuloj de la Ligo de Nacioj ĉeestis. En la nomo de la Societo D-ro Privat bonvenigis ĉiujn gastojn kaj prezidis en la angla lingvo.

*Profesoro Collinson*, el Liverpoola Universitato prezentis la eksperimentojn faritajn en britaj lernejoj laŭ scienca vidpunkto.

D-rino Alexandra Fisher, atestis, kiel ne-esperantistino pri la rezultatoj atingitaj en la lernejo, kiun ŝi direktas. Dum la unua jaro oni instruis al unu klaso Esperanton kaj al alia paralela francan lingvon. Dum la dua jaro oni komencis francan en klaso A kaj daŭrigis ĝin en klaso B. Dum la tria jaro oni metis kune A kaj B por franca lingvo. Ĉiuj klasanoj el A staris unuarange kaj ĉiuj B finrange ĉe la ekzamenoj. Esperanto mirinde helpis ilin per gramatika preparado.

S-ro *Young*, delegito de Eduka Instituto de Skotlando poste montris la ĝojon de malriĉaj infanoj en minejaj distriktoj, ĉar ili sukcesas lerni Esperanton, la solan eblan fremdlingvon por ili, kaj korespondi kun alilanduloj. La gepatroj montras grandan plezuron pri tio.

Poste parolis en Esperanto S-roj Vaona, Kenn, Page, Ledermann kaj la aŭdantaro tre aplaŭdis tiun vivantan pruvon. Je la deka, en apudaj salonoj Ges-roj Privat ĉarme gastigis la konferencanojn kaj eminentulojn de la Ligo de Nacioj. En apartaj intimaj interparoloj tiuj influriĉaj personoj ricevis el diversnacianoj informojn kaj argumentojn pri kaj por nia movado. Agrable kaj utilege okupita vespero.

* * *

Ree en la Universitata „Aŭla", ĵaŭdon vespere. Temas pri rezultatoj de la konferenco, kiujn oni devas prezenti al la neesperantista publiko. Science parolas la scienculo profesoro Pierre Bovet. Tiu eminente fama pedagogo opiniis, ke la Instituto J. J. Rousseau, ĉiam avida pri instruaj novaj metodoj, ne povas ne interesiĝi pri la eksperimentoj ĵus faritaj per Esperanto en diversaj landoj, kaj devas entrepreni objektivan pristudon, eĉ ne laŭtradician, kaj sciencan konsulton uzante la spertojn de instruistoj. Alia motivo ankaŭ instigis S-ron Bovet al organizo: la lastseptembra decido de Ligo de Nacioj. Pro ĉeestantaro, kiun oni ne unue esperis tiel granda, la ĉambroj de Instituto J. J. Rousseau ne estis sufiĉe vastaj, kaj oni feliĉe ricevis la belan salonegon de la Sekretariejo de L. D. N.

Oni estis kvazaŭ riproĉinta al D-ro Bovet, ke la demandaro prezentita al la ĉeestontoj estis iom tro rigide severa, eĉ nesufiĉe favora al Esperanto. Sed tiel nun oni ne povas lin kulpigi pro partieco, kiam li asertas, ke Esperanto estas tre utila edukilo por infanoj. Tio, malgraŭ ŝajno, ne estas veraĵo de M. de la Palisse: kiam oni instruas Esperanton al infanoj po du horoj ĉiusemajne dum maksimume du jaroj, ili sukcesas ĝin scii; male post sesjara lernado ili ne scias aliajn fremdajn lingvojn. Tamen, li avertas, ke, se S-ro Baudet post dek horoj sciis la tutan gramatikon kaj kapablis kompreni iun ajn tekston (S-ro Baudet estas tre klera kaj matura viro), oni ne devas atendi tiel rapidan rezultaton de la ĝenerala publiko, precipe ne de la lernantaro.

Lerninte Esperanton, infano ne nur akiris praktikan laborilon, sed per ĝi li kapablas analizi la mekanismon de sia gepatra lingvo, krei vortojn el ideoj (kaj ne nur ĉerpi ideojn malklarajn el vortoj); la infano fariĝas lingve „aktiva" anstataŭ resti „pasiva". Tion pruvis atestoj de S-ro Haine.

En preskaŭ ĉiuj landoj oni konstatas krizon pri lernado de gepatra, klasikaj kaj fremdaj lingvoj. Nu, la raporto de F-ino Fisher montris, ke Esperanto prezentas utilan rimedon por ĉesigi tiun krizon.

Fine D-ro Bovet montras la moralan valoron de Esperanto, kiu kondukas nepre al universala simpatio, kiel pruvis ekzemploj de S-ro Ĉe. D-ro Bovet petas, ke oni ne blinde kredu liajn dirojn (kaj nenion plu faru), sed ke oni ne kontraŭstaru novajn eksperimentojn sciencajn.

Salutinte la memoron de L. L. Zamenhof kaj la laboron de H. Hodler kaj E. Privat, S-ro Bovet diras: „Malfermante tiun konferencon mi estis senpartia, sed nun mi estas Esperantisto."

S-ro Sevenhuijsen, kvankam li longe studis francan lingvon, krom angla kaj germana, bedaŭras, ke li ne povis kompreni bone la tutan francan paroladon de S-ro Bovet. Li ĉeestis multajn internaciajn kongresojn, kiuj ne estis „internaciaj" vere. Nur la Esperantistaj, kiel tiu konferenco, estas internaciaj. Li esprimas la dankojn de ĉiuj konferencanoj al modesta sed vastega tasko de S-ro Perrenoud, kiu protokolis ĉiujn kunsidojn.

F-ino Ŝupiliová memorigas pri Komenský, la filozofo kiu meritas esti nomata la patro de instruistoj kaj kiu jam en 1641 skribis pri komuna artefarita lingvo.

Fine senpartiulo, Prof. Malche, direktoro de la unuagrada instruado en kantono Genève, konfesis ke, unue ĉarmita, li fariĝis poste respektplena pro la alta spirito, kiu regis dum la konferenco. Li asertas, ke la akcentaj nuancoj estas apenaŭ percepteblaj. Malgraŭ la skeptikuloj, li energie kaj konvinkige certigas, ke la „latina de l' malriĉuloj" tute ne endanĝerigas francan lingvon; eĉ male, ĉar ĝi ebligas mezuri ĝian valoron. Kaj li petegas, ke ne nur instruistaj rondoj konfesu la pedagogian valoron de Esperanto, sed ke la komercaj medioj konvinkiĝu pri ĝia ĉiutaga praktika uzeblo.

La alilandaj Esperantistoj, eĉ ne konantaj anglan kaj francan lingvon, bone sentis, kiel tiuj kvin vesperoj utilis al nia ideo en la internacia publiko de Genève.

*L. Poncet.*

---

**Ĉu vi jam aliĝis al la XIVa?**
**Se ne, aliĝu tuj!**

## Eksposicio

La Instituto J. J. Rousseau organizis en unu el siaj salonoj ekspozicion pri Esperanto en Lernejo. Multaj instruistoj estis respondintaj je la alvoko pri materialo kaj la sendajoj ne mankis: lernolibroj en ĉirkaŭ 40 lingvoj, lerniloj ĉiuspecaj, taskoj de infanoj. Oni tuj rimarkis pro la multeco de ĉiuspecaj grafikoj kaj moveblaj kartonaj cirkloj, ke multaj samideanoj serĉis pedagogiajn rimedojn por facile kaj trafe komprenigi al la infanoj la mekanismon de la afiksoj kaj la regulecon de la tabelo de korelativaj vortoj. Inter ili la eltrovajo de S-ro G. Stroele pro ĝia facileco, movebleco kaj kompleteco meritas specialan atenton.

La britaj lernejoj ekspozis portretojn de junaj lernantoj, la ĝenevaj sendis speciale taskojn faritajn de knaboj post kelkmonata lerno de esperanto, la aŭstriaj sendis tutan kolekton de esperantaj skribajoj de blindaj infanoj.

Oni rimarkis ankaŭ leterojn kaj poŝtkartojn interŝanĝitajn inter infanoj de ĉiuj landoj. La aranĝintoj de ĉi tiu ekspozicio F-ino N. Dubois, S-roj A. Rudhardt kaj R. Borsa akceptu sincerajn gratulojn pro ilia laboro.

## Donacoj

Ni ricevis ĝis 20 Aprilo la jenajn donacojn; al la sendintoj koran sinceran dankon.

S-ro Henry Hetzel, Philadelphia 25 Fr.; Sro A. Thomas, Clermont Ferrand 5 Fr. francaj; S-ro Verschoof Hoek van Holland, 10 flor. nederl.; F-ino Bonnet, Paris, 20 Fr. francaj; S-ro Fracker, Storm Lake, 2 Dol.; Interpopola Rondo Esperantista Genève, 200 Fr.; F-ino Nella Boon, 's Gravenhage, 25 flor. nederl.; S-ro Lehman Wendell, Minneapolis, U.S.A., 10 Fr.; S-ro Ch. Jayet. Morges, 10 Fr.; Esperantista Grupo »Stelo« Genève, 100 Fr.; Monkolekto ĉe la grupo Stelo en Genève: F-ino Lapp, 5 Fr.; F-ino Stella Dubois, 20 Fr.; F-ino Oberli, 1 Fr.; S-ro E. Greind, 5 Fr.; S-ro Devillard, 3 Fr.; S-ro Reisinger, 3 F.; S-ino Alphonse, 3 Fr.; S-ro de Plançon 5 Fr.; S-ro Boissevain, 20 Fr.; Sennoma 4 Fr.; S-ino Schmidt, 1 Fr.; S-ro Dodekan, 2 Fr.; S-ino E. Diekman-Grasset, 10 Fr.; S-ro Edo Diekmann, 10 Fr.; S-ro Laval, 2 Fr.; S-ro Pernet, 5 Fr.; S-ino Pytel, 3 Fr.; S-ro Dalphin, 1 Fr,; F-ino Alice Diekmann, 20 Fr.; S-ro E. Mentha, 1 Fr.; Sennoma, 10 Fr.; S-ino Landa, 2 Fr.; S-ro Paschelle, 2 Fr.; S-ino Bornand, 10 Fr.; S-ro Wartmann 10 Fr.; S-ro Rudhardt, 5 Fr.; S-ro Rodonero, 10 Fr.; S-ro Clair, 5 Fr.; S-ro Borsa, 5 Fr.; S-ro Paul Bouvier, Del. de UEA (el profito de venditaj libroj), 100 Fr.; Grupo Zürich, 20 Fr.; Societo Bern, 10 Fr.; Klubo, Le Locle, 26 Fr.; Centra Oficejo de UEA 300 Fr.; S-ino Umansky, 20 Fr.; S-ino Dornblatt, 10 Fr.; S-ro Gabert, St. Etienne, 50 Fr. francaj; Esperantista Grupo Lyon, 50 Fr. francaj; S-ro A. Engelmann, Rosny s. B., 10 Fr. francaj; Zamenhofa Grupo Lausanne 10 Fr.; S-ro Ducommun Le Locle, 20 Fr.; S-ro D-ro Silbernik, New York (kolekto ĉe la grupo), 170 Fr.; S-ro Gerrit van Heek, Hengelo, 50 flor. nederl.; S-ro Wolf, La Chaux de Fonds, 20 Fr.; Sennoma, 20 Fr.; S-ino Mexin, Montreux, 15 Fr.; S-ro Jean Borel, Vaumarcus, 20 Fr.; Esperantista Grupo Laborista en Lyon, 25 Fr. francaj;

Okaze de la konferenco ni ricevis por presado de Dokumentoj: S-ro R. Fridrich, el Královo Pole, 20 Fr.; F-ino Asta Mikkelsen, Köbenhavn, 20 Fr.; S-ro N. C. Carlsen, Odense, 20 Fr.; S-ro William Perrenoud, Cernier, 10 Fr.; S-ro D-ro Toschi, Bologna, 5 Fr.; S-ro Bramkamp, 's Gravenhage, 10 Fr.; Itala Esp. Federacio, 10 Fr.; S-ro E. Beckmann, Gefle, 10 Fr.; S-ro Van-Ho-Tang, Genève de la ĉina registaro, 100 Fr.; S-roj Usami kaj Fujisaŭa, 20 Fr.; S-ro José Nunez Rey, Madrid, 50 Fr.; F-ino Astrid Rybö, Köbenhavn, 20 Fr.; S-ro Sevenhysen, Haarlem, 10 flor.; F-ino Watson, 1 funto sterlinga; S-ro Holmes, Bradford, 1 funto sterl.; S-ro Goodall, 10 ŝil. La tuta sumo atingis 2563·88 Frankoj.

## Postaj impresoj

Dum la tuta konferenco envenis kaj ĉeestis kelkmomente scivolemuloj el la Ligo de Nacioj, el diverslandaj konsulejoj, el sekretariejoj, k. t. p. Ankaŭ ĉeestis oficiale la delegitoj de la tridek internaciaj oficejoj kaj komercaj ĉambroj oficiale reprezentataj. En la luma vitra salonego, kie sidis la konferenco, ili sidis ambaŭflanke kaj malantaŭe sur ĉirkaŭkrono de seĝoj. Tre interese estis kapti rimarkojn de tiuj observantoj, kiam ili poste laŭte interparolis en la koridoroj ĉu angle ĉu france.

Ĝenerale ili ĉiuj miris, ke oni parolas esperanton tiel flue kaj facile. Ĉefe impresis ilin la multeco de parolantoj, la unueca kaj seninterrompa rapideco de la laboro sen tradukoj, sen ĝenoj. La helpintaj oficistoj atestis ke neniam ili partoprenis konferencon, kiu tiom laboris en tiel mallonga tempo. La unulingveco vere impresas ĉiujn kiel ĉefa kaj plej simpla argumento. Ĝi ŝparas trioblan tempon kompare.

Eĉ unu el la pordistoj lernis esperanton kaj afable helpis la delegitojn por sin direkti tra la koridoroj. Kolego lia ofte envenis la salonegon kaj poste diris du rimarkojn kortuŝe raportindajn: unue ke »tiuj edukistoj ĉiam lasis la ĉambregon pura sen cigaredoj aŭ paperaĵoj ĉie ĵetitaj«, due ke »ili ne nur laboras diligente, sed kore kaj eĉ bonkore kun simpatia homa spirito reganta«

* * *

Vendredon post la konferenco remalfermiĝis la kursoj pri eduka psikologio ĉe la Instituto J. J. Rousseau. F[inoj] Pomariĉi kaj Ŝupichova tien iris kun kelkaj konferencanoj por saluti Prof. Bovet, kiu ilin bonvenigis en la Instituto. Aliaj vizitis la Internacian Laboroficejon kun S[o] Borsa kaj ceteraj vizitis klasojn de la ĝenevaj unuagradaj lernejoj. Lernantinoj de S[ino] Alphonse prezentis komedieton en Esperanto.

## Familia tagmanĝo

La jaŭdon tagmeze 20 Aprilo S-ro Page, en la nomo de la Brita Delegitaro, invitis D-ron Privat kaj liajn ĝenevajn kunlaborantojn por tagmanĝi en Hotelo Richemond kun la konferencanoj. Dankon kaj gratulon pri la sukceso kaj bonorganizo de la konferenco esprimis S-roj Page, Merchant, Young, Vaona, F-ino Mikkelsen kaj respondis Prof. Bovet, D-ro Privat kaj S-ino Umanski. Poste D-ro Czubrynski, el Varsovio, legis belan paroladon pri la historia momento de la konferenco:

Al Vi mi min turnas samideanoj, al Vi ne nur kunvenintaj en tiu-ĉi ĉambro, dum tiu ĉi historiaj kunsidoj, sed ankaŭ al Vi, ne povantaj persone ilin ĉeesti, al kiuj tamen mia voĉo alflugos per la preso. Mi turnas min ne nur al Vi el kuranta periodo, el nuna generacio, sed ankaŭ al Vi el venontaj, kies okulojn ni jam sentas alcentriĝi je ni, kies klerajn spiritojn ni vidas enpenetri en niajn laborĉambrojn, kies indulgaj rigardoj sekvas kaj esploras niajn penadojn, fariĝante la morala subteno en niaj laboraj, kaj dum la momentoj de elĉerpiĝo de nia energio.

Jen: historia momento!

El estinteco elnebuliĝis naciaj organismoj kiuj per terura sangado, inter pli ol tridek milionoj da kadavroj ellaboris en Aresa furio la ideon de memstarigo de la nacioj, veran estontan kleran demokration, la ideon de la plena disvolviĝo de homa spirito.

Naskiĝis novaj respublikoj, renaskiĝis malnovaj, inter ili unu en meza Eŭropo, en kies ĉefurbo Esperanto naskiĝis, kaj kies samideanaro Vin salutas plej sincere.

Inter tiom da diversaj naciaj standardoj mankis unu komuna, kiu estus la propraĵo de ĉiuj, apartenanta ekskluzive al neniu. Ĝi devas montri ke unuafoje en historio venkos la konscia faktoro super la spontanea disvolviĝa celado.

Ni rigardu la *estintecon*, kies krepuskon ni eble jam travivas. Apogante sin je la antaŭjuĝoj, nin predikantojn de nova ideo oni

ne ĉiam volis aŭskulti, oni mokis kaj ridindigis ekpenson, kiu estis en estinteco de homaj celadoj sen ekzemplo. Kvankam ofte ni estis sen influo je la homoj, kies spirito ne povis rompi la antaŭjuĝojn de ilia epoko, tamen ni malgraŭ ĉio paceme kaj obstine, sed dece defendis la konvinkon. Preskaŭ neofendeblaj ni estis. Kiom da memforgeso tio postulis, scias ĉiuj agantoj, kiuj vivis en tiuj ĉi tempoj: ni vivis pli per la estonteco ol per estanteco.

La artefarita lingvo fariĝis vivanta, sed nur dank' al mirinda ĥirurgio: ĝi vivas per la sango kaj cerbo de miloj da pioniroj, kiu en ĝiaj vejnoj cirkulas. Ne sur la batalkampoj oni disverŝis tiun-ĉi sangon, sed la aganta samideanaro montris tiom da heroa dediĉo, ke al malforta infano, ĉar tia estis Esperanto post sia naskiĝo, ĝi transdonis kaj enŝprucis sian propran sangon en ĝiajn vejnojn kaj tial ĝi fariĝis vivanta, kaj la cerbo fariĝis ĝia logika strukturo. Sen tiu ĉi memforgesa ofero, ĝi restus kadavra artefaritaĵo. Antaŭ tiuj ĉi nevideblaj pioniroj, kies ofereman rolon la estonteco malkovros, oni klinos la kapojn.

Sed el kia fonto ŝprucas tiu-ĉi entuziasmo, kiu ekflamigis tiom da koroj de novaj pioniroj, ke ili sin mem oferis por tiu-ĉi ideo? La respondo ŝajnas esti hela: el la sopiraj revoj de multe da generacioj celantaj al unu homaro, el la penadoj de noblaj homoj; oni tiun-ĉi entuziasmon trovos same bone en religiaj, kiel en kulturaj celadoj, ĝi vivis jam de longe, sed mankis nur la formulo por esprimi kaj fari videbla la signon de komuna homara naturo. Tial unu homo estas aŭtoro de la lingvo, sed en li diversaj jarcentoj, nacioj kaj generacioj. Se li ne estus naskiĝinta, ĝi tamen ekzistus, kvankam en alia formo. Tial ankaŭ vanaj estas la penadoj de diversaj ambiciuloj, volantaj krei novajn dialektojn de Esperanto. Krei ili povas, sed ne vivigi per sango! Malriĉa estus nia lingvo, se ni per la gestoj nur volus esprimi la internon de nia koro, kaj tial la lingvo nuna fariĝas io plej kara por la homoj, se ili scipovis batali kaj sangi, eĉ morti por ĝin defendi. Kiel kara kaj kiel simbola estus el tiu ĉi punkto la lingvo homara, la lingvo por ĉiuj homoj, kiuj, ŝatante sian nacion, kies membroj ili estas, volus rigardi pli antaŭen, trans limojn de ilia nacio. Tial partoprenado en esperantaj penadoj estis rimarkilo de ia idealismo, precipe en komenca periodo, kaj efektive idealistoj estis la unuaj, ofte jam mortintaj pioniroj.

Esperanto fariĝis ligilo inter pasintaj kaj venontaj generacioj, inter tiuj, kiuj sentis ke homaro formas unu elementon kaj inter tiuj, kiuj volas tion reale akiri, minimume sur lingva fundamento. Ĝi estas simbolo de la demokratismo inter la nacioj, ĉar ĝi kontraŭbatalas la ideon de la submetiĝo de unu nacio al la kulturo de alia, kies lingvo laŭ derivoj de kelkaj utopistoj devus fariĝi homara.

Ni rigardu *la estantecon.* Oni tiel rapide marŝis antaŭen kun la okuloj turnitaj en la estontecon, ke oni ofte forgesis formi arkivojn, oni ne havas la monografiojn pri kiuj certe pensos jam la plej venontaj jaroj. Alvenas post la milito la tempo, kiam ni komencas frapi al ministrejoj de publika instruado. Dum Haaga kongreso la Pola Esperanta Societo jam provis organizi la enketon por kiu Vi nun sidas en tiu ĉi ĉambro, sed oni ne komprenis la gravecon de ĝi; dum Praha kongreso oni jam pli bone komprenis, kvankam oni ankoraŭ demandis: ĉu jam venis efektive la tempo por eliri el katakamboj; kristanoj ja sidis en ili pli ol tricent jarojn. Post kelkaj monatoj, kia ŝanĝo en la spiritoj, en la agordoj! Ni havas jam konferencon por tiu ĉi celo, la ŝtatoj alsendis oficialajn delegitojn.

Ni rigardu *la estontecon.* Permesu, ke mi elpentru al Vi la plej proksiman estontecon:

Tra la mondo iras forta voko! Post tiom da bruegaj kaj tumultaj bataloj de sanga Areso, fariĝas silente. En la matenruĝo de novaj tempoj leviĝas Pallado, kaj per fulmotondra voĉo alvokas tra tuta Esperantujo:

Al mi! *Dormantaj kavaliroj!*
Al mi revuloj pri espero!
Leviĝu, trafrotu viajn okulojn,
rektigu la membrojn de via korpo,
streĉu la brakojn!
Ĉis kiam ankoraŭ Vi dormados?
Ĉis kiam vi revos pri nerealiĝantaj esperoj?
Jam tagiĝas!
Ferforte suprenlevu vian standardon!
La tempo de gloro, la tempo de venko jam alvenas,
Poezioj realiĝas, esperoj fariĝas nuntempo.
Ĉu vi ne aŭdas: la veksignalo de la tuta homaro vin vokas!
Vin salutas la pasintaj,
Vin rigardas la venontaj generacioj.
Armitaj per entuziasmo
Vi kuru tra stratoj, tra landoj al parlamentoj,
El parlamentoj en la lernejojn,
Anoncu al ĉiu dormanto:
Unu lingvo por la homaro diverslingva!
Antaŭen! Sekvu min!

Tiel alvokas saĝa Pallado. Trakuras el unu ŝtato al alia, vizitas niajn societojn, la laborĉambrojn de niaj agantoj, trapenetras entuziasme iliajn korojn kaj jen: kia ŝanĝo? kia ŝanĝo? Kia nova agordo?

Leviĝas la dormanta kavalerio. Brusto apud brusto. Kiel granda armeo? Kiel diversnacia? Oni perdas perspektivon trarigardante ĝin el unu fino al la alia. Kiel batas iliaj koroj? Unu agordo, unu celo. Ĉiuj scias sian volon kaj taskon.

Ĉiutage alvenas novaj taĉmentoj sub naciaj standardoj. Nun la armeo estas plu okule nekalkulebla. Maro da kapoj, da standardoj, senfina kiel kampo da spikoj. Miras la kavaliroj mem, ke ili estas tiel multenombraj, miras la nacioj.

La armeo fariĝas senmova. Ĝi ion atendas. Jen ... aŭdiĝas trombonoj. Ĉiujn korojn trapenetras ia fortego, kvazaŭ sintezo de la ĝisnunaj penadoj de la homaro, kiu „sin batale dividis", „io nedifinebla kaj mistera", kaj la taĉmentoj „sentas la deziron faciligi la koron". Rigardu la vizaĝojn, kiel ili spiregas per flamoj, rigardu la okulojn, kiel ili estas plenaj da diaj inspiraj fajreroj. Kiel bela estas tiu ĉi armeo en sia plena, indeca majesteco, kiam el ĝia brusto suprenleviĝas plenpotenca kanto post tiom da jaroj de la dormado en la kavernoj:

Agordu la brustojn ho nia fratar'.
Por nova, pli vigla jam kanto!
Ĝi sonu potence de l' montoj al mar',
Anoncu al ĉiu dormanto:
Tagiĝo!...

Super la naciaj standardoj flugetas komuna, de la tuta homaro, simbolo de egalrateco de la naciaj kulturoj. Supren aperas saĝa Pallado trarigardante la taĉmentojn. Ŝi sentas, ke nun alvenas la tago de ŝia venko je sanga Areso.

Silentiĝas. La armeo aŭdas ŝian mallongan, sed tiel longe atendatan komandon:

Atenton samideanoj! Supren standardo! Antaŭen: *el katakomboj en parlamentojn!* Sekvu min!

Ekbalancis la standardoj, ekmurmuris la maro da kapoj, la armeo ekeĥigis la signalon: „*en parlamentojn!...*" kaj jen la taĉmentoj marŝas majeste, triumfe, de unu lando al la alia. Ŝanĝadis la landoj, tra kiuj trapasis tiu ĉi leonkora armeo. La homoj al ĝi aliĝadis unuj post la aliaj, gasteme oni akceptadis ilin en ĉiuj urboj, urbetoj, vilaĝoj, en ĉiuj palacoj, domoj, dometoj, eĉ kabanoj, en ĉiuj preĝejoj, lernejoj, redaktejoj. La venko estis kompleta.

*Dr. Antoni Czubrynski.*

---

☛ **Kiam vi skribas aŭ sendas monon al Universala Esperanto Asocio ne adresu al nomoj de personoj laborantaj en la oficejo!**

# LITERATURO

## Interrompita romano

de **Julio Baghy**

*Ĉe stratangulo, en lumgarb' de lampo*
*knabino juna staras en silent'.*
*Similas ŝi al orfa flor'de l'kampo,*
*petalojn jam perdinta pro la vent'.*
*Okuloj ŝiaj, — bluo de l'cejanoj, —*
*karese vokas, ŝajne, sen dezir',*
*la rid' de l'lipoj kaj graci' de l'manoj*
*feliĉon donus, ŝajne, al la vir'.*

*Al ŝi proksime, jen, junul' naiva*
*apude staras en ĵaluza gard'.*
*Silentas li, sed tamen sento viva*
*konfesas amon pere de l'rigard'.*
*Komprenas ŝi la sonĝojn de l'revanto,...*
*per pensokis' dankplene tuŝas lin,*
*ĉar ankaŭ ŝi ja estis revamanto:*
*je paca hejm' sopiris la anim'...*

*Kaj nun la sent', en noktsilenta strato,*
*profundan amon vekas en la kor',*
*sed ve! jam finas sorto sen kompato*
*romanon ĉarman de l'malfrua hor',*
*ĉar venas viro, kaj li voke signas,*
*per oro pagos por la ĝuavid'...*
— — — — — — — —
*Junulo larme kun dolor' rezignas,*
*dum dance iras ŝi — kun plora rid'.*

---

## Krio de malespero

de **Georgo Deŝkin**

*Al vivo mi volas ekkrii: „Sufiĉe!" —*
*Ah, estas ja tia malbeno*
*Nur ŝteli pecetojn de* fremda *feliĉo,*
*Varmiĝi ĉe* fremda *kameno,*
*Kaj scii, ke* propra *feliĉa angulo —*
*Ĝi estas nur revo malsata...*
*En mezo de vivo mi estas solulo,*
*Nek edzo, nek patr', nek amato!*
*Kaj pri maljuneco, jam tiel proksima,*
*Mi pensas kun muta teruro...*
*Ho, donu trankvilon al mia animo,*
*Aŭ kapon mi rompos je muro!*
*Ne povas plu vivi mi tiel enue,*
*Sen kredo, sen cel', sen esperoj...*
*Ho, kial mi Vin ne renkontis pli frue,*
*Dum ambaŭ ni estis liberaj!*

* * *

*Ah, kapo turniĝas terure kaj mortan*
*Lacecon mi sentas en koro!*
*Hieraŭ mi ploris per larmoj senfortaj*
*De ia infana doloro,*
*Jes, estis mi kiel knabet' ofendita,*
*Ploranta pri sia ludilo...*
*Jen kien venigis min tiu malsprita*
*Eliro el stat' de trankvilo!*

* * *

*Jen Vin, naskiĝintan en Majo,*
*Dum luksa disflor' de kamparo,*
*Salutas nun frato malgaja,*
*Naskita dum frost' Februara.*
*Li petas, ke parton almenaŭ*
*De Via printempa vivĝojo*
*Al li Vi donacu, ke benu*
*Li vivon, unua je fojo!*

---

## Printempo trompis...

Originale verkita de *Alexandra Mexin*

Meze de la granda, bruplena urbo etendiĝas vasta parko. Ĝi estas bela kiam, printempe, floras tie siringo. La aromo, adiaŭa saluto de la forirontaj, unuaj printempaj tagoj, pleniĝas la aeron per dolĉa, ĉiepenetranta odoro, de kiu oni povas sin kaŝi nenien.

Bela estas tiu parko vespere, kiam la subiranta suno lumigas la aleojn tra helverda foliaro.

Tiam gaje kuriras tie infanoj, pepetantaj kune kun birdoj; zorgoplene rapidiĝas plenaĝuloj, revenante hejmen post laciganta labortago, sur la benkoj ripozas paliĝintoj, kiel ankaŭ iliaj vestaĵoj, gemaljunuloj, forgesitaj, al nenio jam taŭgaj, invalidoj de la vivo.

En angulo de la ĝardeno, kien la sonoj, la bruo de la grandurbo alflugas obtuze, kvazaŭ sufokita ĝemo, sidas juna fraŭlino.

Ŝi atendas jam delonge... Foje ektremetas ŝi, kiam atingas ŝin frapsonoj de ia malproksima, nevidebla horloĝo. Tiuj sonoj kvazaŭ falas ien profunden, falas kun mallaŭta sopiro. Kaj longe poste sonoras ilia eĥo, kvazaŭ ili estas falintaj sur ŝtonan, malmolan abismofundon. Aliaj sonoj ŝajnas malvarmaj, mokemaj, — kvazaŭ mokindaj ili trovas homan esperon, homajn revojn. La subiranta suno sendas helajn radiojn tra la junverda kaŝtanaro; el malproksimo aŭdiĝas bruo de la kaleŝetoj, homaj voĉoj, kriego de aŭtomobiloj. Ĝis la soleca anguleto sin portas la ondoj de la viva maro — maro, kiu estas senmezura, indiferenta je homaj suferoj, senborda. Okuloj de la junulino, plenaj je veo, estas fiksitaj sur malhelan buston de ia poeto, kiun ŝirmas siringbranĉoj.

Odorantaj floroj altuŝetas lian kapon kun pezaj bronzbukloj; oraj sunradioj kisas liajn malmolajn, kunpremitajn lipojn.

Ironiema rideto de la buŝo kvazaŭ respondas al la riproĉplena rigardo de malgajaj okuloj nun fiksantaj poeton. „Vi riproĉas min, ĉarma, malfeliĉa infanino! Vi kredis miajn kantojn, kaj miaj sonĝoj fariĝis *viaj* revoj... Ĉie vi aŭdis miajn melodiojn kaj ĉie postsekvis vin miaj paroloj... Delonge mi konas vin... Ĉiuprintempe, kiam floras siringo kaj dolĉe sonoretos en herbo la konvalo, vi alvenas tienĉi,... malgaje atendas kaj vesopire foriras... Kaj vi venos ĉiam, sufere atendos, vane esperos... kaj eterne turmentiĝos... Hodiaŭ vi, morgaŭ alia — vi ĉiuj havas fideman koron, kiu restas fidela al revoj, al kantoj de la poezio. — Tiom longe, ĝis kiam brilos suno, ĝis kiam plenigos printempan aeron la dolĉa veneno printempa... Sed ne kulpigu min... Ne mi trompis viajn belajn revojn, ne mi mensogis al via juna koro... La printempa suna hela rideto mensogis al ni ambaŭ... mensogis al ni la kortremetiga espero..., la floraromo. Nin ambaŭ printempo... trompis...".

## TRA LA LIBRARO

**La Karavano.** *Wilhelm Hauff.* El Germana lingvo tradukis *J. W. Eggleton.* Dua eldono 1921. Brita Esperantista Asocio, 17 Hart Street W. C. 1. Londono. 100 paĝoj, 12 × 18 cm. Prezo: broŝurita 1 ŝ. 8 p. (8 respondkuponoj), ; tole bindita 2 ŝ. 2 p. (10 respondkuponoj).

La Karavano estas kuno de 6 rakontoj el oriento, iom similaj al la fabeloj de „Mil kaj unu noktoj"; ili estas vice dirataj de vojaĝantaj komercistoj dum ĉiutaga halto de la karavano en la dezerto. Ĝi estas unu el la interesaj verkoj de Hauff, tiu germana literaturisto, kiu postlasis rimarkindan verkaron kvankam li mortis 25 jara. Ĝi plaĉas pro sia imaga fantazio, granda vario, rakonta talento; komencinte legi unu ĉapitron, oni ne haltas ĝis fino. La tradukinto uzas facilan fundamentan stilon; pro tio kaj pro la temo mem, tiu libro estas tre konsilinda por lernintoj, kiuj deziras perfektiĝi per agrabla nelaciga legaĵo. Kiel germanismon mi rigardas la verbon „lasi" antaŭ infinitivo; ekzemple en: „La frato de mia patro lasis min voki. Li lasis lin pendigi. Li lasis forigi la kadavron en la maŭzoleon." Same pri nenecesa „sendi" en: „La sultano sendis voki sian edzinon kaj kiam ŝi aperis li sendis venigi el la du ĉambroj la ambaŭ kaftanojn." (ankaŭ lasta „la" estas troa).

Tiaj tradukoj estas vera pliriĉigo por nia literaturo, kies bukedo multkolora formiĝas el elektindaj floroj el ĉiu aparta lingva parfumo. La unua eldono de la Karavano estis presita tro maldiklitere; la dua korektis tiun solan malbonaĵon. *G. S.*

**Himnaro Esperanta.** Kompilita de *Montagu C. Butler*, L. R. A. M. Dua eldono reviziita kaj pligrandigita 1911. British Esperanto Association, 17 Hart Street, London. 146 paĝoj, $9^1/_2 \times 16^1/_2$ cm. Prezo: fleksebla tolo, 1 ŝ. 7 p. (8 respondkuponoj); rigida tolo, 2 ŝ. 1 p. (10 respondkuponoj)

211 poeziaj tekstoj estas tie ĉi kolektitaj en celo ebligi himnokantadon dum esperantaj diservoj, ĉu regulaj, kiel okazas en kelkaj anglaj urboj, ĉu dumkongresaj. La himnaro estas nesekta, sed uzebla de ĉiu kristano. Ĉiu titolo estas sekvata de referencoj al konataj anglaj himnaroj, kie oni facile trovos la melodiojn, ĉar eldono kun muziko estus tro multekosta. La antaŭparolo el kiu mi ĉerpas tiujn detalojn aldonas: „Alilandano sen himnaro brita facile trovos en siaj naciaj himnaroj konvenan arion por preskaŭ ĉiu himno" kaj ankaŭ: „Sendube, anstataŭ Prokuste perforti Esperanton por laŭigi ĝin al netaŭga muzika kadro nacilingva, plibone estas trovi aŭ verki muzikon konforman al la spirito de Esperanto mem." Tiu diro tiel bone akordiĝas kun sama opinio esprimita en recenzo pri „Germanaj kantoj esperantigitaj", ke mi nepre volis citi ĝin.

Ĉe fino de l' libro estas provo pri aranĝo esperanta de antikvaj himnoj kantotaj laŭ la malnova muzika formo nomata angle: „a chant", kaj france: „plain-chant". La aŭtoro proponas por tio la vortojn: „Ĉanto" kaj „Ĉantado".

La riĉa kolekto prezentas multjaran, multpersonan laboron: Ĝi estas zorgege korektita kaj presita; aŭtoro, kunhelpantoj, eldonistoj rajtas fieri pri ĝi.

**The Esperanto Teacher.** A simple course for nongrammarians. By *Helen Fryer.* Deka eldono. British Esperanto Association, 17 Hart Street. W. C. 1. London 172 paĝoj, 10 × 16 cm. Prezo: 1 ŝ. 2 p. (6 respondkuponoj).

Lernolibro atinginta sian dekan eldonon estas nepre bona laŭ sia speco. Antaŭparolo diras la metodon uzitan, la devenon kaj celon de nia lingvo. Poste 45 lecionoj liveras ĉion necesan: klarigoj, vortlistoj, ekzercoj, por lerni ĝin. Bone estas havi tiom da lecionoj, ĉar ĉiun punkton oni povas aparte trakti kaj ekzerci; ankaŭ bone estas ĉerpi parton de la tradukoj el la Zamenhofa ekzercaro. Sekvas kiel aldonoj: la 16fundamenta gramatiko, komunaj esprimoj, traduko angla de ĉiuj ekzercoj, legaĵoj kaj vortaro angla-esperanta. Unuavide ŝajnas ke mankas en tiu lernolibro ekzercoj anglaj kun ilia esperanta traduko kaj vortaro esperanta-angla. Sed vere la angla ŝlosilo de l' lecionaj tekstoj permesas retradukon en Esperanto kaj kiel dua vortaro ĉefeĉa ŝlosilo tute taŭgas.

Tiel, tiu bonega instrulibro, bone gradigita, klara eĉ por mezinstruita homo, taŭgas tiel por kursoj kiel por memlernado.

**Esperanto-Lehrbuch für Volksschulen.** Teil II: Oberstufe. *Georg Streidt.* Eldonejo Ferdinand Hirt & Sohn in Leipzig 1922. 56 paĝoj, 15 × 22 cm. Prezo: 15 M. germ.

Jam estis priparolita kaj laŭdita la unua parto de tiu ĉi instrulibro por popollernejoj. La dua parto, por duajara studado estas same bonega. La ĉapitroj rilatas al la sama temo: la onklo de l'geknaboj, kun kiuj ni konatiĝis en la unua libro, faras vojaĝon komercan ĉirkaŭ la mondo; rakonto pri tiu vojaĝo, anekdotoj kolektitaj en la trapasitaj landoj, leteroj de la onklo al la nevo, ĉio ornamita per belaj instruaj bildoj, formas la baztekstaron por instruo; al ĝi la praktika utilo kaj la idealo de nia movado estas lerte aldonitaj. Sur postaj paĝoj venas la resumaj reguloj eltireblaj el la tekstoj, la taskoj por lernantoj kaj fine la vortlistoj. Certe germanaj instruistoj kaj geknaboj posedas, por esperantaj kursoj dum la du lastaj jaroj de l' unuagrada lernejo, la plej bonajn ĝis nun eldonitajn lernolibrojn. *G. S.*

**Međunarodni Jezik Esperanto.** Potpuna gramatika sa vježbenicom i dodatkom. (Internacia lingvo Esperanto. Plena gramatiko kun ekzercoj kaj aldonoj.) *Dr. Dušan Maruzzi.* Zagreb. Kr. Zemaljska Tiskara 1922. VIII- 136 paĝoj, 13 × 20 cm. Prezo: 1 Fr. svisa.

Tiu gramatiko por Kroatoj estas prilaborita laŭ la metodo de S-ro Kühnl. Kiel diras la antaŭparolo de S-ro Petro Stojan, L. K. ĝi ne estas nura kurslibro, sed plena komentario por serioza studo de Esperanto. Efektive la gramatikaj klarigoj estas tre detalaj, akompanataj de multaj vort- kaj frazekzemploj; uzo de ĉiu sufikso estas montrata per nombraj kunmetitaĵoj; ĉiu duba punkto, ĉiuj konfuzeblaj vortoj, ĉiu senco de relativaj vortoj, prepozicioj, ĉiu malfacilaĵo aŭ apartaĵo de nia lingvo estas citataj. La multaj ekzercoj konsistas el bone elektitaj frazoj tradukotaj el Esperanto en kroata lingvo kaj inverse; por tio ĉiuj necesaj vortoj estas enlistigitaj kaj fine en dua parto de l' libro troviĝas la ekzercoj tradukitaj por kontrolo. Por Kroatoj ekzistas nun ankaŭ plena fidinda studlibro, kiel ni jam havas por la ĉefaj Eŭropaj lingvoj. *G. S.*

**Hrvatsko Esperantski Rječnik.** (Kroata-Esperanta vortaro.) Preparita de *Danica Bedeković.* U Zagrebu, Kr. Zemaljska Tiskara 1921. IV- 93 paĝoj, $11^1/_2 \times 15$ cm. Prezo: 0,50 Fr. svisa.

Jena vortaro estas taŭga komplemento por la antaŭa gramatiko. Ĝi estas ankaŭ klare presita kaj belaspekta. Pri ĝia lingva valoro mi ne estas kompetenta juĝanto. Trarigardo tra libro de por ni tiel fremda lingvo, malofteco en ĝi de vortoj similaj al niaj aŭ eĉ al esperantaj, pruvas evidentege la necesecon de internacia lingvo. Kroatoj havas ĉion bezonan por ellerni ĝin. *G. S.*

**Ama stelaro.** Tradukaĵoj kaj originalaĵoj. *La Forgesito.* Eldonejo: Oskar Ziegler kaj Ko. Marktredwitz (Bayern) 1922. 119 paĝoj, $10^1/_2 \times 15$ cm. Prezo: 18 M. ger. (por altvaluta eksterlando + 50% plialtigo).

Interesa kolekto kun tre diversa enhavo; du unuaktaj komedioj, humoraj aŭ dramaj rakontoj, amaj poezioj. Ĉion oni legas facile kaj plezure. Pres- aŭ lingveraroj estas tre malmultaj. La ĉefa parto estas tradukaĵoj el portugala lingvo; la cetero estas originalaj verkaĵoj. La teatraĵetoj porinfanaj estus ludeblaj de junuloj; ili celas instrui amuzante; „La korvo kaj la vulpo" de Coelho Netto estas pli viva ol „La nigra papilio" de Olavo Bilac, kiu pli konvenas al lego ol al ludo. Unu el la prozaĵoj „Lina el Moskvo" de dro Nuno de Andrade, estas terura rakonto temanta pri abomenaĵoj de cara epoko en Rusio; tiu forta paĝo iel rememorigis al mi la neforgeseblan „Ruĝa Rido" de Andrejev. Ĝenerale mi preferis la prozaĵojn; la poezioj, kvankam agrablaj kaj sentplenaj, estas iom neriĉaj laŭ ritmo kaj rimo; la verkoj de niaj talentaj poetoj igas nin malfacile kontentigeblaj. Ama Stelaro estas subskribita de pseŭdonimo; sed laŭ la enhavo ni ŝuldas tiun plaĉan libreton al lerta sudamerika samideano. *G. S.*

# ESPERANTISMO

## XIV. UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO EN HELSINKI (Finnlando), 8—16 aŭgusto 1922.

*Sesa kaj sepa komunikoj.*

**Kongresejoj.** La kanceleja komisiono de la parlamento konsentis doni je nia dispono salonojn en la Malnova Parlamentejo (Säätytalo), kiu nuntempe estas uzata kiel kunvenejo de la parlamentaj komisionoj. En la Malnova Parlamentejo povos okazi ĉiuj fakaj kunsidoj. Por la malfermo kaj verŝajne ankaŭ por la laborkunsidoj ni devas serĉi aliajn ejojn. La malfermo esperebla okazos en la Nacia Teatro kaj por la laborkunsidoj ni intencas lui la domon de la Studentaro de la Universitato en Helsinki, kie ankaŭ troviĝas konvenaj ejoj por sekretariejo, poŝtoficejo, ekspozicio ktp.

**Afiŝoj.** La afiŝoj, trikolora presaĵo laŭ linoleumaj kliŝoj tranĉitaj de artisto Vasström, estas nun iom post iom ekspedataj La esperantistaj societoj, firmoj kaj privatuloj, kiuj povas ĝin elmeti favore, estas petataj sendi al ni sian adreson por senpaga ricevo de la afiŝo

**Fakaj kunsidoj.** *Finnlanda Foiro* invitas ĉiujn foirojn partopreni per reprezentantoj, Esperante parolantaj, en fakta kunsido de la foiroj.

**„Vojaĝado en Finnlando".** La eliro de la nova eldono estas iom prokrastita ĉefe pro anonckolektado daŭrigata. Ĉiuokaze ĝi eliros sufiĉe frue antaŭ la ekveturo de la kongresanoj.

**Ekspozicio.** Ĝis nun ni ricevis preskaŭ nenion por ekspozicio. Ni petas la samideanojn diverslandajn sendi, ĉu donace, ĉu prunte, ekspozindajn aĵojn.

**Korespondado.** La korespondemuloj kaj interŝanĝemuloj estas petataj ne sin turni al la L. K. K., sed meti anonceton en Esperanta Finnlando. Kosto sama kiel po 1 folio da glumarkoj (vidu la preztabelon en la 2a komuniko).

**Aliĝoj.** Ĝis nun aliĝis 230 kongresanoj el sekvantaj landoj: Germanio 30, Estonio 23, Pollando 20, Britlando 18, Nederlando 14, Ĉekoslovakio 10, Franclando kaj Aŭstrio po 7, Hungario 5, Italio 4, Svislando 3, Litovio kaj Danlando po 2, Svedlando, Hispanio, Usono, Turkio, Kanado kaj Japanlando po 1, Finnlando 79 *entute 230 aliĝintoj el 20 landoj.*
Plie aliĝis 9 helpkongresanoj.

**Financoj.** La L. K. K. ricevis por la garantia kapitalo 14100 Fmk., por la blindula kaso 508,48 Fmk., donacoj 6417, 86 Fmk.

**Alveturo al Finnlando.** Nuligante la sciigojn donitajn en la 19a punkto de la IIa komuniko kaj en la 2a punkto de la Va komuniko, ĉitie estas sciigata la definitiva alveturplano de la „kongresŝipoj" kaj parte novaj *rimarkinde malaltigitaj prezoj.*

**Brita Imperio.** El *Hull* ekveturos ŝipo „Arcturus" ĵaŭdon la 3. VIII. vespere, alvenante al Helsinki lundon la 7. VIII. matene. Disponeblaj lokoj: Ia klaso 74, IIa kl. 21, IIIa kl. 290. Prezoj: Ia kl. £ 11.4/ —, IIa kl. £ 8. —/—, IIIa kl. £ 4.16/—, ĉio kun manĝo kaj lito. „Arcturus" faros la vojaĝon tra la Kiela Kanalo.

**Danujo.** El *Kopenhago* ekveturos ŝipo „Oihonna" sabaton la 5. VIII je la 5a posttagmeze, alvenante al Helsinki lundon la 7. VIII tage. Lokoj: Ia kl. 83, IIa kl. 24, IIIa kl. 8. Prezoj: Iakl. D-kr. 128:—, IIa kl. D-kr. 112: —, IIIa kl. D-kr. 56: —, ĉio kun manĝo kaj lito.

**Germanujo.** El *Stettin* ekveturos ŝipo „Ariadne" merkredon la 2. VIII je la la tage, alvenante al Helsinki vendredon la 4. III tage. Lokoj: Ia kl. 182, IIa kl. 74, IIIa kl. 12. Prezoj: Ia kl. Finn. Mk. 720: —, II kl. Fmk. 640: —, ambaŭ kun lito manĝo, IIIa kl. Fmk. 280: — kun lito sed sen manĝo. Manĝon oni povas ricevi por Fmk. 50: — potage.

El *Stettin* ekveturos ankaŭ ŝipo „Rügen" sabaton la 5. VIII je la 4 ptm. alvenante al Helsinki lundon la 7. VIII matene. Lokoj: Ia kl. 208, IIIa 35 (dua klaso ne ekzistas). Prezoj precize sciigotaj en venonta komuniko, sed estos verŝajne la samaj kiel en „Ariadne".

El *Lübeck* ekveturos ŝipo „Mira" sabaton la 5. VIII je la 2 ptm., alvenante al Helsinki mardon la 8. VIII frumatene. Lokoj: Ia kl. 16, IIIa kl. 18. Prezoj: Ia kl. Fmk. 640: —, kun lito kaj manĝo, IIIa kl. Fmk. 280: — kun lito sed sen manĝo.

Ĉar evidente tra Lübeck, pro la tie okazonta antaŭkongreso, alveturos pli granda aro samideanoj, la ordinara ŝipo de tiu linio ne estos sufiĉe granda. Pro tio la L. K. K. klopodos lui apartan ŝipon por Lübeck, pri kio poste estos pli precize sciigata.

**Svedujo.** El *Stockholm* — al Helsinki — ekveturos ŝipo „Torneå" merkredon la 2. VIII je la 7 vesp. alvenante ĵaŭdon la 3. VIII vespere. Lokoj: Ia kl. 55, IIa kl. 33, IIIa kl. (sen kajuto) 150. Prezoj: Ia kl. S-kr. 88: —, IIa kl. S-kr. 72: —, IIIa kl S-kr. 48: —. Ĉio sen manĝo.

El *Stockholm* — ankaŭ al Helsinki — ekveturos ŝipo „Birger Jarl" dimanĉon la 6. VIII je la 7 vespere, alvenante lundon la 7. VIII vespere. Nombro de lokoj kaj prezoj la samaj kiel en „Torneå".

El *Stockholm* — al Turku-Åbo — ekveturos ŝipo „Nordstjernan" ĉiumarde, „Hejmdall" ĉiuĵaŭde kaj „Hebe" ĉiusabate je la 7 vespere, alvenahte al Turku-Åbo la sekvantan matenon. Lokoj: Ia kl. 59, IIa kl. 22, IIIa kl. 22. Prezoj: Ia kl. S-kr. 80: —, IIa kl. S-kr. 64: —, IIIa kl. (sen kajuto) S-kr. 48: —, Ĉiuj prezoj sen manĝo.

**Estonujo.** El *Tallinn* (Reval) ekveturos la ŝipoj „Ebba Munck" kaj „Viola" ĉiun mardon, ĵaŭdon kaj sabaton matene. La vojaĝo daŭras 5 horojn. Prezoj: Ia kl. Fmk. 160 -, IIa kl. 120: —, sen manĝo.

**Danzig.** La L. K. K. ne sukcesis lui ŝipon kiu veturos tra Danzig. La sola vojo por la samideanoj vojaĝontaj tra Danzig, estas veturi aŭ fervoje aŭ ŝipe al Stettin kaj de tie uzi la supre anoncitajn ŝipojn. Inter Danzig kaj Stettin iras la pasaĝerŝipo „Grüssgott". Ties veturprezojn ni nun ne povas sciigi.

Por la linio Antwerpen — Rotterdam — Finnlando verŝajne ankaŭ ne e tos eble rezervi ŝipon. La samideanoj francaj, belgaj kaj nederlandaj pro tio devas uzi iun el la supre anoncitaj vojoj. — La vojaĝprezoj ĉi tie donitaj estas speciala rabatprezoj por la partoprenontoj de la XIVa kongreso. La samideanoj, kiuj deziras uzi ĉi tiujn ŝipojn, devas pri tio informi aŭ al L. K. K. aŭ al la karavangvidantoj en la respektivaj landoj plej malfrue 6 semajnojn antaŭ la ekveturo. Ĉe aĉeto de bileto kongresa karto estas montrota kiel legitimilo.

**Reveturo el Finnlando.**

Al *Hull* (ĉiumerkrede, ekz:) „Astrea" merkredon la 16. VIII vespere (alveno 21. VIII). Lokoj: Ia kl. 22, IIa kl. 34, IIIa kl. 186

„Arcturus" merkredon la 23. VIII (alv. 28. VIII).

En ambaŭ ŝipoj la prezoj estas: Ia kl. Fmk. 1200 —, IIa kl. Fmk. 960 —, IIIa kl. Fmk. 480: —, ĉio kun manĝo kaj lito.

Al *Kopenhago* (ĉiun 10an tagon, ekz:) „Oihonna" dimanĉon la 20. VIII (alv. 22. VIII.). Prezoj: Ia kl. Fmk. 720: —, IIa kl. Fmk. 600: —, IIIa kl. Fmk, 280: —

Al *Stettin* (dufoje semajne ekz:) „Ariadne" sabaton la 19. VIII (alv. 21. VIII). Prezoj samaj kiel la alveturaj,

„Rügen" merkredon la 16. VIII (alv. 18. VIII). Prezoj poste sciigotaj.

Al *Lübeck* (ĉiusabate, ekz:) „Aegir" sabaton la 19. VIII (alv. 21. VIII). Lokoj kaj prezoj la samaj kiel por „Mira". (rigardu alveturon). Pri ebla pli granda ŝipo estos poste sciigata.

Al *Stockholm* el Helsinki (dufoje en semajno ekz:) „Bierger Jarl" merkredon la 16. VIII (alv. 17. VIII). „Torneå" dimanĉon la 20. VIII (alv. 21. VIII). Prezoj: Ia kl. Fmk. 264 —, IIa kl. Fmk. 208: —, IIIa kl. (sen kajuto) Fmk. 120 —, ĉiuj sen manĝo.

Al *Stockholm* (trifoje en semajno) el Turku-Åbo: „Hebe" ĉiumarde, „Nordstjernan" ĉiuĵaŭde kaj „Heimdall" ĉiusabate vespere (alv. sekvantan matenon). Prezoj: Ia kl Fmk. 240 — IIa kl. 192—, IIIa kl. (sen kajuto) Fmk. 120 — ĉio sen manĝo.

Al *Tallinn.* iros ŝipoj ĉiun mardon, ĵaŭdon kaj sabaton. Prezoj la samaj kiel por alveturo.

Por ĉiuj linioj krom Tallinn, ankaŭ la forveturbiletoj devas esti menditaj plej malfrue 6 semajnojn antaŭ la kongreso.

Ni atentigas la kongresanojn, kiuj eble timetas marvojaĝon, ke Baltika maro estas ĉiuflanke ŝirmata de terpartoj (kontinento, Skandinava duoninsulo, Finnlando) kaj relative profunda, tiel ke forta moviĝo de la maro ĝenerale ne okazas; aparte dum la somero la marvojaĝo al Finnlando estas belega kaj ĝuoplena. — Tute senriska estas la alveturo tra Stockholmo, ĉar densa insularo ĉirkaŭas la tutan vojon inter Stockholmo kaj Turku. Ankaŭ la vojaĝo tra Tallinn estas en tiu rilato rekomendinda. Sed, kiel dirite, la vojaĝo tra Baltika maro estas belega, kaj kiu ĝin ĉirkaŭiras, perdas unu el la plej agrablaj ĝuoj de la kongresvizito.

**Pasporto.** La ekstera ministerio konsentis je tio ke la kongresanoj ricevu la vizon sen formalaĵoj kiam ili montras la kongresan karton kiel legitimilon. Ni atentigas, ke la kongresanoj petu vizon „al Helsinki kaj vojaĝado en tuta Finnlando", ĉar se ili petas nur vizon al Hesinki, la havigo de la vojaĝpermeso por partopreno en ekskursoj kaŭzas perdon de tempo kaj elspezojn. Pri la senformalaĵa vizo estas sendita ordono al sekvantaj reprezentantoj de Finnlando:

**Legacioj:** *Tallinn* Nunne tänav 18; *Stockholm*, Kungsgatan 7; *Kristiania*, Drammensveien 93; *Kobenhavn*, Amaliengade 6; *Riga*, Todlebena bulw. 1 ds 2; *Berlin*, Alsenstrasse 1; *Warszawa*, Hotel Europe; *s'Gravenhage*, Javastraat 2; *Roma*, Corso Vittorio Emanuele 141; *Madrid*, Hotel Ritz; *Bukarest*, L'Athénée, Palace Hotel; *Washington*, Munsey Building room No 1042; *Tokio*, Tokiofu, Shimo-shibuya, Shinchi 57.

**Generalkonsulejoj:** *London*, W. C. 2, 31 Great St. Andrew Street, Shaftesbury Avenue; *Paris*, IXe, 3, Rue Nouvelle; *Wien*, I, Stubenring 18 II. *New-York City*, 5 State Street;

**Konsulejoj:** *Haparanda; Danzig*, Vorstädtischer Graben 44, *Zürich*, Rüdenplatz 5; *Sydney*, 4 Bridge Street.

**Antaŭkongresa ekskurso trans la polusa cirklo.** Ni informas, ke telegrafrevizoro V. Holopainen, antaŭa del. de UEA en Kristiinankaupunki, nun loĝas en Petsamo kaj estas preta gvidi kaj helpi la kongresanojn, kiuj preferos alveni tiun vojon, turisme grandiozan.

**Pri ekskursoj en Finnlando** ni donos novan horaron, konforman al la nova veturplano de la marŝipoj, en venonta komuniko.

**Trapaso.** La LKK turnis sin al diverslandaj Esperanto-asocioj, petante ke tiuj sin turnu al siaj registaroj, petante faciligon en la formalajoj de la pasporta vizo kaj en la prezoj de la vagonaroj. Ni esperas, ke ili sukcesos en siaj petoj.

**Poŝto kaj telegrafo.** La Poŝta administracio konsentis aranĝi en la kongresejo provizoran poŝtkontoron, kie povos esti ricevataj kaj forsendataj simplaj kaj rekomenditaj sendaĵoj. Sur la sendaĵoj destinitaj al tiu poŝtoficejo devos esti klare notite „XIV Universala Kongreso de Esperanto" kaj prefere la kongresa numero de la adresato.— Telegramoj al kongresanoj povos esti ricevataj en la sama ofico, se ili estos adresataj al „Esperanto, Helsingfors". Nomo de kongresano ne estas necesa, se oni notas la kongresan numeron. — La poŝtoficejo stampos la elirantan poŝton per aparta stampilo kun teksto „XIV Univ. Kongreso de Esperanto, Helsinki 1922".

**Afiŝoj.** La kongresaj afiŝoj estas senditaj al ĉiuj de ni konataj adresoj. Samideanoj kaj esperantemaj firmoj kaj institucioj, kiuj povas elmeti ĝin videble, sendu sian adreson por senpaga ricevo de la afiŝo.

*La Loka Kongresa Komitato.*

Adreso: Poŝta (ankaŭ por monsendoj): XIV. kongreso de Esperanto, Helsinki, Finnlando. Telegrafa: Esperanto, Helsingfors.

## ANTAŬ- KAJ POSTKONGRESOJ

### Antaŭkongreso en Danzig.

Ni jam publikigis, ke Senato de „Libera Urbo Danzig" donis al nia Asocio monatan subvencion de 1000 gm por plenumo de organizaj laboroj de internacia antaŭkongreso en Danzig. Estas tre grava subteno de nia movado; ĉar „Libera Urbo Danzig" nove fondita kaŭze de la pactraktato estas tre malgranda ŝtato kaj la donacita nur por antaŭkongreso monsumo proporcie valoras multe pli ol granda subvencio de multe pli granda ŝtato. Krom tio Danzig kiel ponto inter Germanlando kaj Polujo ĝuste nuntempe havas tiom da internacia intereso, ke la de ĝia estraro subtenata movado frapas la okulojn de la tuta mondo. Tion la esperantistaro bonvolu serioze pripensi. Do por antaŭenpuŝi la malfortan movadon en la proksimaj orientaj regionoj estas nepre necese, ke grandnombra parto de veturontoj al Helsinki vizitu Danzigon por partopreni internacian antaŭkongreson, per kiu ni prave montru la praktikan utilecon de nia lingvo. Do nia plej urĝa peto al la esperantistoj, kiuj certe vizitos Helsingforson kaj ĉitiuokaze ankaŭ venos Danzigon, estas:

Anoncu al ni tuj vian ĉeeston por ke ni baldaŭ sciiĝu la nombron de la partoprenantoj.

La ŝipo el Lübeck haltos en Danzig. Ni daŭre interrilatas kun D-ro Möbusz pri tiu aranĝo.

*Provizora programo.*

Unua tago: Danzig. Vizito de vidindaĵoj de la urbo. Tagmeze komuna tagmanĝo. Vespere oficiala manifesto, poste vizito de koncerto.

Dua tago: Oliva. Veturo al Oliva, vizito de antikva monaĥejo kaj ĝardenego, promenado tra la belega arbaro al Karlsberg kaj ĝuo de belrigardoj al la ĉarmega marborda regiono. Tagmeze komuna tagmanĝo.

Zoppot. Posttagmeze veturo al mondkonata marbanloko Zoppot kaj ĝuo de la marborda vivo. Poste promenado al proksima bela rigardejo. Vespere partopreno je festo, poste dancado.

Tria tago: Adiaŭo kaj forveturo.

*Kongreskotizaĵo.*

Usono 1 dol., Nederlando, 2 hfl., Svisujo 5 sfr., Danujo-Norvegujo-Svedujo 5 kr., Italujo 5 lir, Britujo 5 ŝil., Hispanujo 5 pes., Finnlando kaj Ceĥoslovakio 15 fm., aŭ kr., Germanujo kaj Danzig 30 gm., Rumanujo 30 lej, Bulgarujo 40 lev, Jugosl. 50 kr., Aŭstrio kaj Hungario 100 kr., Polujo 300 pm., aliaj landoj 30 gm. en nacia valuto.

Precizajn detalojn ni komunikos ĝustatempe en ĉiuj esp. gazetoj.

Monsendojn bonvolu sendi al „Deutsche Bank Filiale Danzig, Esperanto Kongres."

Ĉiujn aliajn sendaĵojn adresu „Esperanto-Amt Danzig, Herrengartenkaserne."

Demandante oni ĉiam aldonu valorajn respondkuponojn aŭ bankbiletojn ne ĉifonitajn por afranko, alie ni bedaŭrinde ne povos respondi.

*Loka Kongresa Komitato.*

S-ino Anna *Tuschinski*, *Ketterling*, Aeltermann, *Amort*, Kiełbratowski Del de U. E. A., W. Hoffmann, M. Neumann, Klaps, Klara Tuschinski, Gertr. Vorhaŭer.

**Antaŭkongreso en Lübeck.** Vidu Aprilan N-ron p. 66.



# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO

**Celo:** *Disvastigi la uzadon de la internacia helplingvo Esperanto. — Plifaciligi la ĉiuspecajn moralajn kaj materiajn rilatojn inter la homoj, sen diferenco pri raso, nacieco, religio aŭ lingvo. — Krei internaciajn servojn uzeblaj de ĉiuj homoj, kies intelektaj aŭ materiaj interesoj celas trans la limojn de ilia genta aŭ lingva teritorio. — Kreskigi inter siaj membroj fortikan senton de solidareco kaj disvolvigi ĉe ili la komprenon kaj estimon por fremdaj popoloj. — UEA kunigas la samideanojn, kiuj per la forto de sia nombro kaj la utiligo de la Zamenhofa lingvo volas pruvi al la mondo, ke Esperanto vivas, taŭgas kaj progresas.*

**Servoj:** *Ĉia membro rajtas peti informojn de la Delegitoj, uzi la servojn de la Asocio, senpage ricevi la Oficialan Jarlibron.*

**Kotizoj:** Oficialaj prezoj en svisaj frankoj. Membro (M): *5 Fr.*

*Membro-abonanto* (MA) ricevanta la gazeton: *12.50 Fr. — Membro-Subtenanto* (MS) ricevanta la gazeton: *25 Fr. — Membro-Dumviva* ricevanta la gazeton kun ĉiuj oficialaj dokumentoj: *300 Fr.* (Partopagoj trijaraj po 100 Fr., sed neniuj naciaj favorprezoj). Naciaj prezoj por M, MA, kaj MS: **Aŭstrio:** *Kr. 500, 1500, 4000;* **Baltaj Ŝtatoj:** *G. Mk 25, 65, 150;* **Belgio:** *Fr. 10, 25, 50;* **Britio:** *Ŝ. 5, 12/6, 25;* **Bulgario:** *L. 35, 80, 180;* **Ĉeĥoslovakio:** *Kr. 25, 65, 140;* **Danio:** *K. 5, 12.50, 25;* **Finnlando:** *Mk. 22, 60, 120;* **Francio:** *Fr. 10, 25, 50;* **Germanio:** *Mk. 30, 80, 180;* **Hispanio:** *Pes. 6, 15, 30;* **Hungario:** *Kr. 100, 300, 600;* **Jugoslavio:** *Din. 25, 65, 140;* **Italio:** *L. 12, 30, 60;* **Nederlando:** *G. 2.80, 7, 14;* **Norvegio:** *Kr. 6, 15, 30;* **Polio:** *Mk. 500, 1500, 4000;* **Portugalio:** *Esk. 8, 20, 40;* **Rumanio:** *L. 30, 75, 160;* **Svedio:** *Kr. 4, 10, 20;* **Usono:** *D. 1, 2.50, 5.*

La Helpmembroj (HM) kategorio provizore kreita favore nur al jenaj landoj kun tre malbona kurzo. Aŭstrio: Kr. 300; Hungario: Kr. 50; Polio: Mk. 300. Ili ĝuas ĉiujn rajtojn escepte la ricevo de la jarlibro, gazeto kaj enskribo en la interrilata adresaro.

La Entreprenoj de UEA (komercaj firmoj, societoj k. t. p.) pagas jare la oficialan aŭ nacian prezon kiel la MA. La Entreprenoj rajtas presigi tekston de 40 vortoj en speciala parto de la jarlibro kaj rajtas uzi la servojn de informpetado.

**Centra Oficejo:** *12, Boulevard du Théâtre, Genève (Svislando). — Bankkonto: Société de Banque Suisse, Genève. — Poŝtĉeko: I. 2310.*

---

**Oficiala Bulteno.** — Dum Aprilo ni sendis al ĉiuj Delegitoj Oficialan Bultenon No. 6 kun statistika demandaro pri la servoj plenumitaj dum la pasinta agada jaro, 1921. Ni tre petas la Delegitojn pri zorga plenigo kaj baldaŭa resendo de tiu-ĉi grava formulo.

**Konfirmo de Delegitoj.** — Kun la Oficiala Bulteno No. 6 ĉiuj Delegitoj en lokoj kun malpli ol dek membroj ricevis konfirmon de ilia ofico por pliaj tri jaroj per la Ĝenerala Sekretario. La Delegitoj ne ricevintaj tiun sendaĵon bonvolu informi nin.

**Statistiko de la poŝtaĵoj.** — Movado de la poŝtaĵoj dum marto 1922: Ricevitaj: 1055 Forsenditaj: 1291 Entute: 2346 (Antaŭa monato: 3268).

**Kotizoj por 1922.** — Je la 31a de marto estis enkasigitaj 25 kotizoj de helpmembroj, 920 de membroj, 2878 de Membro-abonantoj kaj 99 Subtenantoj. Entute: 3897. Entreprenoj: 64.

**Subtenantoj.**

*Kvina listo:*

84. S-ro R. W. Powell, New York; 85. S-ro W. W. Carpenter, Escondido; 86. S-ro Rud. Selge, Tallinn; 87. S-ro A. Villafranca, Buenos-Aires; 88. S-ro Kürsteiner, St. Gallen; 89. S-ro A. Bowker, Sheffield; 90. Fino Ada Cunningham, Bollington; 91. S-ro H. Holden, Rusthall; 92. S-ro W. H. Beattie, Eastbourne; 93. S-ro E. E. Turner, Wisley; 94. S-ro D. Thomas, Cardiff; 95. S-ro H. Bonnevie, Kristiania; 96. S-ino F. A. de Jara, Mexico; 97. S-ro Gibbs, Durban; 98. F-ino A. Leavitt, Washington; 99. S-ro E. Garcia, Madrid.

**Garantia kapitalo.**

*Dua serio.*

| | Frankoj |
|---|---|
| Antaŭa listo | 2100 |
| 8. S-ro Robert I. Clegg, Chicago . . . . . . . . . | 300 |
| | 2400 |

Ni rememorigas, ke ĉiu atesto de la dua serio kostas 300 Frankojn, svisa valoro. Oni povas ĝin pagi ĉu en unu sola fojo, ĉu en tri jaraj partoj po 100 Frankoj. Ĉiu akirinto de atesto de la Garantia Kapitalo fariĝas Dumviva Membro de UEA, sekve bezonas pagi nenion plu por la kotizo aŭ la abono al la gazeto, kiaj ajn estos la prezoj.

**Donacoj.** — Por helpi al la financa stato de UEA nia komitatano S-ro Fritz Rockmann en Magdeburg proponis ke la Dumvivaj membroj pagintaj 125 Fr. oferu kotizon de Membro-Abonanto aŭ Subtenanto por la nuna jaro, egaligante la perdon kiun havas la kaso pro la senvaloriĝo de la mono. Favore respondis al la alvoko forsendita dum marto la jenaj dumvivuloj sendinte la kotizon laŭ la koncerna tarifo. Ni sincere dankas al ili, atentigante ke iliaj rajtoj neniel estas tuŝataj; sekve ni konsideras tiun oferon kiel libervolan donacon.

S-ro Kawecki, Danzig; S-ro Holmes, Bradford; S-ro Goodliffe, Purley; S-ro Coxe, Ozendyke; S-ro D-ro Moser, Ruegsau; S-ro Rollet de l'Isle Paris; S-ro Barnes, Brackley; S-ro J. F. Dinslage, London (Subtenanto); F-ino E. M. Bartholomew, Letchworth; F-ino F. M. Bartholomew, Letchworth; S-ro Fritz Lucas, Bad. Homburg; S-ro Hans Poensgen, Kaiserswerth; S-ro Alexander Hay, Wallasey (Subtenanto); S-ro J. Bredall, South Croydon; S-ro H. S. Donker, Amsterdam; F-ino Nella Boon's Gravenhage; S-ro Charles Brunet, Bordeaux; S-ro Bayes, Newfound Pool (Subtenanto); S-ino Alice Farges, Lyon; S-ro L. Poncet, Lyon; S-ro Gabert, St. Etienne; S-ro Christen, New York; S-ro Carter, Brooklyn N. J. (5 funtoj sterlingaj); S-ro T. P. Gandell, London; S-ino M. C. Gillet, Banbury (Subtenanto); S-ro R. Maraury, San Fernando; S-ro Henk Goemans, Konstantinoplo; S-ro Walter Gieseler, Weissensee bei Berlin; S-ro Cyrill Vörös, Budapest. —

Specialan dankon ni ŝuldas al nia malnova kaj maljuna Delegito en New York S-ro D-ro Silbernik kiu bonvolis dum pluraj jaroj pagi kotizon de Subtenanta membro, estante jam Dumviva membro.

**Delegitoj.** — Delegitoj estas elektitaj en jenaj lokoj:

*Aschmeritz* (Ĉeĥoslovakio). — D.: S-ro Theodor Kilian, instruisto.
*Boulogne-sur-Seine* (Francio). — D.: S-ro Horace Cotelle, bankoficisto, 51, rue de la Mairie.
*Ismail* (Rumanio, Bessarabio). — D.: S-ro Leo Ĥarlano, Calea Bolgradului 37.
*Karhula* (Finnlando, Helilä). — D.: S-ro Paavo Kauppinen, kristalrafinisto. VD.: S-ro Edvard Koivistoinen, kristalrafinisto.
*Karwina* (Ĉeĥoslovakio, Silezio). — D.: S-ro Henryk Baranek, mineja oficisto, Polca 48-plask uczynski. VD.: S-ro Rudolf Z. Kobiela, universitatano, Karwina 163.
*Kralupy n. Vlt.* (Ĉeĥoslovakio). — D.: S-ro Olda Ŝreiter, lokomotivestro, Lobeček 102.
*Lampedusa* (Italio, Girgenti). — D.: S-ro Orazio Di Maggio, eksportisto de spongoj.
*Larvik* (Norvegio). — D.: S.-ro S. Engesgaar Christie, redaktoro.
*Levice* (Ĉeĥoslovakio, Župa Tekov). — D.: S-ro Bartha Mor., komercisto. VD.: S-ro Karol Hlučil, profesoro, Štátne ref. realgymnasium.
*Měcholupy* (Ĉeĥoslovakio). — D.: S-ro Jan Wenig, lernejestro.
*Moravany* (Ĉeĥoslovakio). — D.: S-ro Leopold Berger, kemia inĝeniero Sukerfabrikejo.
*Niedereinsiedel* (Ĉeĥoslovakio). — D.: S-ro Josef Scolze, fabrikisto. Haupstr. 218. VD.: S-ro Franz Möse, komercisto n-ro 79.
*Pabjanice* (Polio, Lodz). — D.: S-ro Josef Konderak, advokata sekretario ul. Sw. Rocha 23. VD.: S-ro Wladyslaw Godlewski, oficisto de Ruĝa Kruco, ul. Sw. Jana 12.
*Petřvald* (Ĉeĥoslovakio, Silezio). — D.: S-ro Josef Kania, mineja oficisto Ŝakto „Albrecht". VD.: S-ro Karl Kukucz, mineja oficisto, Albrechtschacht.
*U. Polaun* (Ĉeĥoslovakio). — D.: S-ro Josef Demuth, instruisto. VD.: S-ro Rudolf Linke, instruisto.
*Poprad-Velka* (Ĉeĥoslovakio, Slovakio). — D.: S-ro Gustav Eichmüller, komercisto, Elisabetstr. 1.
*Sered* (Ĉeĥoslovakio). — D.: S-ro Jan Kratochvilla, instruisto.
*Trzebinia* (Polio). — D.: S-ro St. Rudnicki, oficisto 2.

*Utiel* (Hispanio, Valencia). — D.: S-ro Generoso Planells, veterinara inspektoro, calle Ruiz Zorrilla 39.

*Vendrell* (Hispanio, Tarragona). D.: S-ro F. Guitart Jené, Pl. Dr. Murillo 7.

*Welwyn* (Garden City) Anglio. — D.: S-ro Charles H. Edmonds, 19. Dellcott Road.

*Zlín* (Ĉeĥoslovakio, Moravio). — D.: S-ino Anna Hrbačkova, privatulino, Náměstí 59.

**Ŝanĝoj:**

*Bolton* (Anglio, Lanc.). — VD.: S-ro J. R. Hall, 121, Holland St. A. B.

*Bucureŝti* (Rumanio). — VD.: S-ro Ernst Grund, Calea Grivitei 3, „Cauciucul Continental".

*Krakow* (Polio, Galicio). — D.: S-ro D-ro Roman Gerlach, notario, Krupnicza 7.

*Loveč* (Bulgario). — D.: S-ro Ivan Ludev, juĝisto.

*Münster i. W.* (Germanio). — D.: S-ro D-ro Stricker, estro de provinca politika oficejo, Handeshof, Principalmarkt.

*Narva* (Estonio). — D.: S-ro Valerian Sergejev, lernanto, Vabaduse tänav 24.

*Opava* (Ĉeĥoslovakio, Silezio). — D.: S-ro Josef Kunert, komercisto

*Tannwald-Schumburg* (Ĉeĥoslovakio). — D.: S-ro D-ro A. P. Klimek, ĉefkuracisto de ŝtataj fervojoj.

*Zürich* (Svisio). — VD.: S-ro Herbert Hammer, I. Neumarkt 14.

La supraj elektoj fariĝas valoraj, se ĝis 30 tagoj post la nuna publikigo neniu membro protestas pro gravaj kaŭzoj. Intertempe la novaj D. kaj VD. agas provizore.

---

## NACIAJ KUNVENOJ.

### 13a Brita Kongreso.

La Brita Kongreso kiu okazos Pentekoste en London enhavos belan ekskurson en sia programo. La Kongresanoj ŝipveturos de Westminster al Richmond, kie okazos tagmanĝo. La kosto de la kartoj estos: Ŝipveturo ire kaj revene: 4/—; Tagmanĝo: 4/—; Ŝipveturo kaj tagmanĝo 7/6. Ĉar estos eble aranĝi tagmanĝon nur por 400 personoj oni tuj bonvolu mendi la kartojn. La ceteraj partoprenantoj bonvolos mem zorgi pri ilia manĝo.

### XIa Germana Kongreso.

Tiu kongreso okazos en Breslaŭ la 3—6 junio. Ekskursoj okazos al jenaj lokoj kies vojaĝprezoj sekvas: Zobten (ire kaj revene) persona vagonaro III-a Kl. 36 MK, IV-a Kl. 24 Mk; Freiburg (Fürstenstein) ire kaj revene, rapidvagonaro III-a Kl. 72 mk, persona vagonaro III-a Kl. 56 Mk, IV-a Kl. 40 mk; al Riesengebirge (nur ire) rapidvagonaro III-a Kl. 89 mk, persona vagonaro III-a Kl. 72 mk, IV-a Kl. 49 mk. Belaj kongresaj sigelmarkoj aperis — 8 Mk por 100 ekzempleroj. Sin turni al S-ro Habellok, Schleiermacherstr 19, Breslaŭ X. La kotizaĵo estas 30 Mk. Samideanoj el Ĉeĥoslovakio (35), Nederlando, Hungario kaj Polio anoncis sian partoprenon.

---

# Esperantista Parolejo

### Oni laŭdas!

*Ni presigas en ĉi tiu senpaga rubriko dankojn nur pri gravaj servoj plenumitaj de niaj delegitoj.*

S-ro *J. M. de Villa,* V. Del. en Habana, Cuba, kaj lia edzino, dankas kore pro gravaj servoj aŭ ĝentilaĵoj dum sia vojaĝo tra Eŭropo jenajn samideanojn:

*Salzburg:* S-roj Huber, Vogel, V. D., D-ro Pezlederer, Prof. Christanell, F-ino Liebenwein.

*Villach:* S-roj Watzinger, Bausbach, Elbel.

S-ro *Isidor Peterson,* membro n-ro 13369, Eksjö, Svedlando, kore dankas Delegiton en Würzburg, Germ. S-ron H. Rippel pro afabla helpo kaj bone plenumita grava servo.

S-ro *Kreuz,* direktanto de la esp. fako de la Frankturta Foiro dankas al la delegitoj en Ber-Rechid, Gibraltar kaj Fiume pro faritaj propagando-servoj.

S-ro *J. Kurbatov,* Prezidanto de Transbajkala s-to „Esperanto" Ĉita Siberio, kore dankas al: U. E. A., Eldona s-to „Esperanto"-Stokholmo, P. Nylen-Huddinge, J. Ŝapiro, Deleg. de U. E. A. Bialystok, E. Migliorini, Roma, J. Oulehla, Nový Bydžov, J. Taubmann, Haida, E. Tamm, Del. de UEA, Nõmme k. a. por la bonaj esperantaĵoj senditaj preskaŭ senpage al ni vivantaj en mizerego.

„S-ro *F. Willan* en Nelson, (Anglujo) pro helpo dum lia peresperanta komerca vojaĝo tra Germanujo kaj Ĉeĥoslovakio varme dankas S-ron Derks (Bruxelles), S-rojn Hurler kaj Junker (Köln), afablan S-ron en Solingen kies nomon li ne scias", Ge-srojn Kreuz (Frankfurt am Main), D-ron Ledermann kaj S-ron Honigsberger (Nürnberg), F-inojn B. Vlčková kaj S. Bálková (Praha), S-ron Taubmann (Haida), S-rojn Keil, Keis, Marschner kaj Ge-srojn Bauer kaj Röhlich kaj F-inon Weinmann (Gablonz), S-ron Sundermann (Bodenbach), F-inon Renner, S-inon Heyn kaj S-ron Ranft (Dresden), Fratojn Leibich kaj la delegiton de UEA (Leipzig).

S-ro *Poncet,* Lyon dankas S-ron Habermekl, Del. en Haarlem pro tre afabla kaj rapida servo ne deviga laŭ la Statutoj de UEA, kaj cetere tute libervole plenumita.

*La organiza Komitato* de la Konferenco pri Esperanto en Lernejoj kore dankas la samideanojn kiuj bonvolis sendi materialon por ĝia ekzpozicio, S-inon Farges pro donaco de poŝtkartoj al la konferencanoj, la firmon Baignol & Fargon en Boulogne sur Mer pro disdono de krajonoj kaj plumoj „Esperanto" al ĉiuj partoprenintoj.

### Oni proponas!

S-ro A. Burgeois, (Membro n-ro 12.800) Cours d'Herbouville 69, Lyon, proponas la jenon:

„Multaj esperantistoj ne povantaj partopreni la Universalan Kongreson eble ŝatus konservi memoraĵon. Ĉar kutime estas eldonata arta prikongresa afiŝo, ĉu ne estus eble, ke la kongresa komitato fiksus prezon de la kongresafiŝo kaj ĝin sendus al ĉiu mendonto kontraŭ meza pago. Tiamaniere multaj samideanoj posedus ne nur artan memoraĵon, sed ankaŭ trafan materialon por esperanta ekspozicio."

*Noto de la Redakcio:* La ideo ŝajnas al ni interesa kaj certe la L. K. K. atentos laŭeble tiun proponon.

S-ro James D. Sayers, Membro de UEA el New York proponas:

Mi legis en *Esperanto* kaj aliaj gazetoj pri la bezono de forta multmembra UEA. Mi jam antaŭe pensis pri tio. UEA faras valoran servon al Esperanto ce la Ligo de Nacioj kaj alimaniere. La ebleco atingi ion estas antaŭ ni; sed por prepari necesas pli granda kaj fortika organizaĵo. Konsiderante la kreskantan nombron de personoj lernantaj la lingvon, ni rajtus kredi ke almenaŭ dekmil personoj eniras UEA kiel membroj kaj abonantoj de ĝia gazeto. Kaj ili faros tion se per metoda maniero oni petas ilin. En Ameriko ni ofte uzas metodon nomatan „campaign" por antaŭenigi movadon aŭ ideon propagande. Tio estas ni kunigas niajn klopodojn je certa tempo kaj sammaniere, ĉiuloke, varbas, propagandas, penadas. Mi proponas ke ĉiu UEAano membrigu alian Esperantiston, ne ankoraŭ membro; multaj povas eĉ varbi pli. Mi promesas almenaŭ kvin membrojn.

*Respondo:* La supre skizita ideo taŭgas por unufoja klopodo ekzemple por unufoja ampleksa monkolekto, ŝtata pruntepreno, helpo al suferantaj popoloj. Ĝi ne estas aplikebla al Asocio kiu kalkulas kun difinita nombro de membroj kaj de . . . . rimedoj. Preferinde estas la individua varbado, buŝe aŭ letere. Ni dankas S-ron Sayers pro lia bonvolo kaj plezure akceptas la promesitajn aliĝojn.

S-ro J. Ravenstein Delegito en 's Gravenhage skribas:

Ĉiu UEA delegito regule ricevas servo petojn de fabrikestroj, komercaj firmoj, k. t. p. Kvankam ne estas la speciala devo de la neprofitanta delegito, akceli la monan intereson de eksterlanda firmo, tamen estus bone, ke la delegito donu sian plenan atenton al tiaj petoj. Estus grava paŝo antaŭen, se la industrio, la navigacio kaj komerco, sekvata de la poŝto, enkondukus Esperanton.

Tre ofte iu komercisto deziras ke la delegito serĉu taŭgan reprezentanton por la vendado de liaj produktaĵoj en iu urbo aŭ en tuta lando. Plenkontentiga respondo je tia demando estas tre malfacila, eĉ por sperta komercisto; ĝi postulas ne nur ĝeneralan konon de la komercaĵoj, sed ankaŭ multajn rilatojn en komercaj rondoj. La delegito ja devas trovi iun, kiu plene konas la artiklojn kaj la klientaron, kiu bezonos tiajn.

Se evidentiĝas, ke la rekomendita persono ne posedas tiujn ecojn, tiam la petinto ne plu skribos al la delegito kaj opinios, ke Esperanto ne utilos por li.

Multaj delegitoj tamen ne havas ĉiam tempon kaj okazon por bone respondi tiajn petojn.

Ŝajnas al mi, ke estas la tasko de la Esperanta ĵurnalaro interrilatigi spertajn agentojn kun komercaj firmoj. Estus dezirinde, ke vi aranĝu specialan rubrikon en via organo: ,,*Oni petas reprezentantojn*'', kio fariĝus profito por via ĵurnalo kaj por la koncernaj partioj. Ĉar:

1e. La delegito, kiu ne kapablas bone respondi, povus konsili al la petanto, regule anonci en via organo sub nomita rubriko. Tiamaniere li estus liberigata de tasko, ne facile plenumebla.

2e. La firmo, serĉanta agenton, atingos multe pli da personoj en diversaj landoj je pli avantaĝa maniero.

3e. Komerca agento, kiu volas vendi pliajn artikiojn, nur bezonas esplori tiun rubrikon.

Mi opinias, ke via organo havus pli gravan intereson kaj aspekton, se vi enpresigus tiajn praktikajn komercajn anoncojn. Kiam tiaj anoncoj atingos sian celon, la komerco (en plej vasta senco de l'vorto) iom post iom postulos la konon de nia lingvo ĉe sia oficistaro kaj el tio rezultus, ke la komercaj lernejoj devus enkonduki Esperanton en siajn programojn.

*Respondo:* La propono de nia agema Delegito certe estas atentinda; dependas de la venantaj anoncoj ĉu la apartigo praviĝas. Al niaj Delegitoj ni rekomendas tiun proponon je specialaatento.

# Esperantista Vivo

**Fianĉiĝoj.** — S-ro *Imeldi Quirino* en Ĝenova (Italio) kun fraŭlino *Eugenia Ferraris*, Esperantistino el Ĝenova.

S-ro *Cz. Pruski*, Del. de UEA en Siedlce (Polio) kun F-ino *Irena Grabowska*.

S-ro *L. Zaegel* el Dijon kun F-ino *Manière*.

**Edziĝoj.** — S-ro *Francisco Guitart Jené*, Del. en Vendrell (Hispanio) kun F-ino *Pepita Guitart Palau* el Bolivar (Argentino).

S-ro *Wilhelm Ludwig* en Warnsdorf (Ĉeĥoslovakio) kun F-ino *Marie Goth*.

S-ro *Testud*, Del. en Firminy kun F-ino *Picq*.

S-ro *R. Evrot*, profesoro de filozofio en Bonneville (Haute Savoie) kun F-ino *Jeanne Mailluchet* en Lyon.

**Honorigo.** — S-ro *Jozef Litauer*, V. D. en Warszawa estis nomita Vicprokuroro de la Varsovia Tribunalo.

# Niaj Mortintoj

Kun bedaŭro ni ricevis informon pri la morto de jenaj samideanoj. Al iliaj familioj ni sendas la esprimon de niaj respektplenaj kondolencoj.

D-ro **Ostrovski**, tre malnova esperantisto, konata de multaj samideanoj mortis en Jalta.

Komandanto **Fauvart-Bastoul** mortis 76jara en Dijon. Li verkis Esperanto-Ŝlosilvortoj kaj multe laboris por Esperanto.

D-ro **Mark Pavlovits**, juĝisto mortis 65jara en Timiŝoara Rumanio. Li estis fervora esperantisto, iama Del. de UEA kaj ĉeestis la Sepan Kongreson en Antwerpen. S-ro A. Bambach deponis kronon sur lia tombo kaj faris funebran paroladon en Esperanto.

Rev. **John Anderson** en Corstorphine mortis 101 jara. Li estis la plej aĝa esperantisto en la mondo. Li komencis la lernon de Esperanto kiam li estis 85 jara kaj havis ĝis sia morto grandan intereson por la movado.

**Felipe Sellick** mortis 66 jara. Li estis iama prezidanto de la Grupo de Liverpool, ĉiama entuziasmulo kaj fidela amiko de Esperanto. Dum ĉirkaŭ 30 jaroj li laboris ĉe la magazeno de Philip Son Mephew en kiu li enkondukis kaj estris esperantan fakon.

D-ro **Karl Radlmesser** dentkuracisto mortis 59 jara en Rzeszow Polio. Li estis fervora samideano.

**Simo P. Simonov** ŝatata kaj senlaca pioniro de Esperanto mortis en Pleven. Li postlasis testamente sian riĉan esperantan bibliotekon al la urba publika legejo.

**Giovanni Pedrazzini,** patro de nia tre fervora samideano Stefano Pedrazzini kiu jus elmigris al Meksiko mortis en Monaco (Princlando). La mortinto ne estis esperantisto, sed favore rigardadis nian movadon kaj subtenis ĝin. Li estis tre agema kaj multe helpis la progresemajn iniciatojn de sia lando. Dum multaj jaroj li estis urbestro de Locarno kaj deputito ĉe la Tiĉina parlamento. Lia ĉerko estis transportita el Monaco al Locarno; ĉi-tie la enterigo estis solena. La esperanta grupo partoprenis oficiale je la funebra ceremonio portante la esperantan flagon. CG.

# ŜAKO

Gvidanto: *Fr. Hájek*, Praha-Nusle, Přemyslovo nábř. 396. Ĉeĥosl.

Ĉion kio koncernas ŝakon, sendu senpere al la gvidanto.

**Problemo N-ro 34.**

*H. T. Bailey*, London.

(Originalo.)



Blanko matas per la 2-a movo

**Problemo N-ro 35.**

*P. Daley.*

(Reproduktajo)



Blanko matas per la 3-a movo

**Finajo N-ro 1.**

*H. Rinck*, Barcelona.

(„Schweiz. Schachzeitung 1922")



Eksludante, Blanko gajnos.

Apuda finajo estas interesanta majstroverko de la eminenta fakulo pri la finludoj Henry Rinck. La simpla kaj verŝajna pozicio de tiu ĉi verko permesas solvadon, per kiu estas multe pliriĉigita la teorio pri la ludo de la Turoj. Estas tre instruige sekvi la solvadvojon, dum kiu atakanto penas eluzi *la tempojn*, por fine per blokadmovo sukcesi interŝanĝi unu Turon kaj la aliajn gajni. Per la restanta Turo estas poste facile akirebla la sukcesplena decido. Ni donas ĉi tie la malfacilan solvadon, uzante la *plimallarĝigitan matematikan notadon* (skribmanieron).

1. Tf2+, Re1, 2. Tce2+, Rd1, 3. Td2+, Rc1 (Re1, 4. Rc2! kaj poste mato per Tde2), 4. Tc2+, Rd1, 5. Tfd2+, Re1, 6. Ta2!, Tc1, (Th1, 7. Rc2!), 7. Te2+, Rf1, 8. Tf2+, Re1, 9. Tae2+, Rd1, 10. Tg2!, Th1, 11. Th2!, Tg1, 12. Teg2!! pro minacanta mato Nigro devas preni, Blanko interŝanĝas kaj gajnas ankaŭ la alian Turon. Alie 6. . . ., Rf1, 7. Tf2+, Re1, 8. Th2!, Rd1, 9. Thd2+, Re1, 10. Rc2!, — aŭ 8. . . ., Rf1, 9. Taf2+, Re1, 10. Rc2!, — aŭ 8. . . ., Td1+, 9. Rc2, Tf1, 10. Ta3, Tg1, 11. Te3+, Rf1, 12. R×d1 k. t. p. — aŭ 8. . . ., Tc1, 9. Tae2+, Rd1, 10. Teg2! kaj gajnas la T, — aŭ 8. . . ., Tf1, 9. Rc2! Td1, 10. Ta3! kaj gajnas la Td1, — aŭ 8. . . ., Tb3+, 9. Rc2! — aŭ 8. . . ., Tg3+, 9. Rc2!

La plimallarĝigita notado indikas sole la rezultaton de la farita movo, kiel okazas en la naciaj notsistemoj, kaj estas uzata en la ŝakliteraturo precipe por ŝpari la lokon. Ekzemple la movon Ĉg1—f3 oni skribas simple Ĉf3. La forirlokon de la ĉevalo, kiu alvenis la kampon f3 oni facile trovas. Se do okazas, ke ankaŭ alia Ĉ (eble e5) povas avanci sur la kampon f3, oni skribas Ĉef3, montrante ankaŭ la fundamentan kolonon, kiun ĝi okupis, aŭ Ĉ5f3, se necesas montri la vicon.

*Solvoj de la problemoj.*

**N-ro 30.** 1. Te3—e5 k. t. p.
**N-ro 31.** 1. Ta4—h4, Rg5×h4, 2. Rf7—g6 k. t. p.
1. . . . . . . . laŭvole, 2. g2—g3 „
**N-ro 32.** 1. Tc3—h3, g4×h3, 2. Tb3×h3 „
1. . . . . . . . . . .g4—g3, 2. Tb3×g3 „
**N-ro 33.** 1. Tf8, 2. Tf7, 3. Tf6, 4. Tf5 mato.

*Alvenis ĝustaj solvoj de la problemoj.*

N-ro 20. ĝis 25.: J. G. de la Serrana, A. Galindo kaj E. Castellano Vita, Baza (Hisp.); 22., 24., 25.: Th. Rawlinson, Liverpool; 26. ĝis 29., 31. ĝis 33. H. T. Bailey, London (Angl.); 26., 28., 29.: Fr. Mayer jun., Goldenöls (Ĉeĥ.); H. Brohus, Borup Vraa (Dan); 26 ĝis 33 R. Koerselman, Voorst (Nederl.); Th. Rawlinson, Liverpool (Angl.).

# REKLAMO

Nur anoncoj kun *samtempa* pago estas notataj. Ni akceptas la anoncojn laŭ la disponebla loko kaj ne povas garantii la aperon en difinita N-ro. Ni ne sendas pruvnumerojn kaj rekomendas al la anoncantoj aboni nian gazeton. Ni ne akceptas respondecon pri la sekvoj de anoncoj.

## KORESPONDADO

*TARIFO:* Unu enskribo (la adreso kaj ne pli ol 5 vortoj): Fr. 0.75. — Por ĉiu plua linio (= 10 vortoj) Fr. 0.50.

Unu enpreso en nacia mono: *Aŭstrio* 50 Kr.; *Belgio* 1.50 Fr.; *Britlando* 7½ d.; *Bulgario* 10 Lev.; *Ĉeĥoslovakio* 5 Kr.; *Finnlando* 4 F. M.; *Francio* 1.50 Fr.; *Germanio* 5 Mk.; *Hispanio* 1 P.; *Hungario* 30 Kr.; *Italio* 2 L.; *Jugoslavio* 10 Kr.; *Nederlando* 40 Cent; *Pollando* 100 M.; *Skandinavio* 1 Kr.; *Svislando* 0.75 Fr.; *Usono* 0.15 Cendoj. — Kie la aĉeto de respondkuponoj estas ebla, oni sendu tiajn. (Unu enskribo = 4 respondkuponoj.)

*MALLONGIGOJ:* L = *letero*. PK = *poŝtkarto*. PI = *poŝtkartoj ilustritaj*. PM = *poŝtmarkoj*. bfl = *poŝtmarkoj sur bildflanko*. k. ĉ. l. = *kun ĉiuj landoj*. Esp-aĵo = *Esperantaĵo*.

Atentigo!

La personoj anoncantaj havas la moralan devon respondi almenaŭ unufoje al la ricevitaj petoj, klarigante ĉu ili deziras aŭ ne deziras daŭrigi la korespondadon. Kiu ne respondas peton konforman al sia anonco, tiu malutilas al la internacia korespondado per Esperanto.

### Aŭstrio.

**Wien VI.** — S-ro Marie Bauer, Schmalzhofgasse 5, PI, bfl, PM.
**Wien VI.** — S-ro Schmitt Anton, Gumpendorferstr. 39, PI, k. ĉ. l.
**Wien VI.** — S-ro Stüber Johann, Gumpendorferstr. 39, PI, k. ĉ. l.
**Wien VI.** — S-ro Focher Franz, Gumpendorferstr. 39, kun fraŭlinoj k. ĉ. l.
**Wien VI.** — S-ro Kornfeind Emerich, Bürgerspitalg. 13, PI, k. ĉ. l.
**Wien VI.** — S-ro Riesel Michael, Gumpendorferstr. 39, PI, k. ĉ. l.
**Wien VI.** — S-ro Pechmann, Gumpendorferstr. 39, PI, k. ĉ. l.
**Wien VI.** — S-ro Märzendorfer Felix, Gumpendorferstr. 39, PI kun fraŭlinoj.
**Wien VI.** — S-ro Felico Märzendorfer, Gumpendorferstr. 39, PI, bfl, PM.
**Wien VII.** — S-ro Eckert Robert, j. Stieftgasse 8, PI, k. ĉ. l.
**Wien VII.** — S-ro Podrasky Rudolf, Neubaug. 51/32, PI.
**Wien VII.** — S-ro Dobrozemsky Franz, Halbgasse 3, PM, PI.
**Wien X.** — S-ro Alfred Hirt, Inzersdorferstr. 81/14, PI, bfl, PM.
**Wien,** 13/4. — S-ro Josef Kolnhofer, Zehetnergasse 37, PM. PK. Esp. Gaz. ne respondas senvalorajn PM. Vidu rubrikon „Petoj kaj proponoj".
**Wien XIII/4.** — S-ro Ernest Fiebiger, Hackingerst. 45—7, PI, PM, fotografaĵojn.
**Wien XV.** — S-ro Heinrich Stepan, Kranzgasse 14/6, PI, bfl, PM.
**Wien XVI.** — S-ro Aust Otto, Hasnerstr. 21, PI.
**Wien XVII.** — S-ro Gustav Löroy, Audergasse 10, PM, k. ĉ. l. (serioze).
**Wien.** — D-ro Albert Engler, dentkuracisto, I, Wollzeile 22, PM.

### Belgio

**Antwerpen** — S-ro D. Dielen, instruisto, Pioenstr. 1 Berchem, L, PK, bfl esp-aĵoj.

### Britio

**Bournemouth.** — S-ro H. Stay, „Sunnyside" Woodside Road, 24 jara instruisto, L, PK, PI, k. ĉ. l.
**Bradford.** — S-ro Edwin Smith, studento, 32 Gladstone Street, L, PI (kun gefraŭloj).
**London N. N. 2.** — S-ro Cecil Craft, 51 Villiers Road, Willesden Green, PM, L, PI, k. ĉ. l. (precipe kun fraŭlinoj).
**Preston.** — S-ro Nöel Binstead 8, Herschell St., L (precipe pri senkulturaj floroj).

### Ĉeĥoslovakio

**Brno.** — S-ro F. Medek, Česká ul. 6. PM k. ĉ. l., PI kun ekstereŭropanoj.
**Jägerndorf** (Silezio). — F-ino Nesti Schmidt, instruistino, Hauptstr. 69, L, PI, bfl.
**Mor. Ostrava.** — S-ro František Kos, Miličova 4, PI, k. ĉ. l.
**Poprad—Velka,** Slovakio, Ges-oj Eichmüller, Elizabetstr. 1., L. (pri naciaj manĝaĵoj kaj kuiraĵoj).
**Praha II.** — S-ro Jaroslav Růžička, bankoficisto, Zahořanská 5, PI k. ĉ. l. (gazetojn).
**Praha.** — S-ro Inĝ. B. Molnár, poŝtfako 214, L (pri okultismo).
**Přivozec 11,** poŝto Blížejov, apud Plzeň. — S-ro Antono Vlasák, PI, bfl, PM, kun gejunularo de tuta mondo.
**Přivozec 34,** poŝto Blížejov apud Plzeň. — S-ro Antono Gütter, PK, PI kun gejunularo.

### Estonio

**Haapsalu.** — S-ro Joh. Tamverk ne plu kolektas PI, PM.
**Tarto.** — S-ro Alfred Sover, Kalda 17, PI kun ekstereŭropo. Eŭropo: nur popolaj kostumoj.

### Finnlando

**Fredriksberg.** — S-ro Kaarlo Kaijansaari, L, PI, k. ĉ. l. (precipe kun fraŭlinoj).
**Helsinki.** — S. S-ro Viheriäsaari, Porthanink 6, L, PI.
**Helsinki.** — S-ro U. Koivisto, Hämeenk. 8, L, PI.
**Joensuu.** — S-ro Paavo Airaksinen, kontoristo, L, PI, PM, k. ĉ. l.
**Karisalmi.** — S-ro Eero Kakkonen, PI, k. ĉ. l.
**Mikkeli.** — S-ro E. Mansikka, PM (k. ĉ. l.), PI (ne kun Eŭropo).
**Uusikaupunki.** — S-ro K. Walovuori, komercisto, PM.

### Francio

**Abbeville** (Somme). — S-ro Furcy Racine, 8, rue de la Tannerie, PI (PM kun novaj kolektantoj).
**Paris.** — S-ro F. Brienne, 10, rue de Belzunce, PI, PM, k. ĉ. l.
**Saint-Sulpice** (Oise). — S-ro André Leroux, L, PI (kun gejunuloj).
**Sens** (Yonne). — S-ro F. Dupuy, 8 rue Victor-Guichard, PM, PI.
**Sens** (Yonne). — S-ro Armand Gillot, 10 Quai de l'Entrepôt, PI, PM, L, PK, k. ĉ. l.

### Germanio

**Bad Reichenhall.** — S-ro Kurt Eberlein, Volksbank, PM.
**Halle a. Saale.** — S-ro Rudolf Strauss, Scharrenstr. 10/I, L, PI, bfl, k. ĉ. l.
**Helmstedt.** — S-ro Erich Lüer, Henkestr. 36. PI, nur popoltipoj, multkoloraj.
**Magdeburg.** — S-ro Erich Zeigert, Scharnhorstrasse 8, PI, bfl, PM (belartaj gazetoj, artaj fotografaĵoj kaj violonnotoj).
**Zittau** (Saksio). — S-ro Ali Akber, Antonio Ehm, Inn. Oybinerstr. 9, PI, L, PM, Esp. gaz., papermonon, k. ĉ. l. precipe kun mezmarlandoj en Eŭropo, Afriko, Azio.

### Hispanio

**Gerona.** — F-ino Luisa Bargés, instruistino, Escolas Pias n-ro 2, L, PI, PM, gaz. k. ĉ. l.

### Hungario

**Budapest.** — S-ro Fenyes Zoltan, Dob-u. 5/II, PK, PM (rekomendite, sendu unue).
**Kecskemét.** — S-ro F. Berkovics, Szegedi ut. 7, PI, L esp-aĵoj k. ĉ. l. (pri arto, literaturo, socialismo, filozofio).

### Italio

**Firenze.** — Capit. Michele Liverani via S. Gallo 27, PI, naciajn ilustr., gaz., fot-aĵojn.
**Lampedusa (Girgenti).** — S-ro O. Di Maggio, PI de famaj homoj en ĉiuj branĉoj de aktiveco kaj ideoj.
**Udine.** — S-ro Maresciallo Capo, Luigi Rubetti, Distretto Militare, PM, k. ĉ. l. (nur kun seriozaj filatelistoj).

### Nederlando

**Amsterdam.** — S-ro N. A. Zilver, P. O. B. 1055, PK, PM (escepte Ĉeĥoslovakio).
**Culemborg.** — S-ino N. Bonhof — v. d. Geer, PI, k. ĉ. l.

### Pollando

**Bialystok.** — A. Ajzenszmidt; Fabryczna 19, PM, papermono (interŝ., vend.).
**Bialystok.** — S-ro J. Ajer, Skrzynka Pocztowa 53, L, PI, bfl, papermono.
**Bialystok.** — S-ro S. Ripp, Fabryczną 5, interŝ., vendas pm., papermonon.
**Lodz.** — S-ro M. Dembinski, Zachodnia 66, k. ĉ. l. PI, L (prefere kun perfektuloj).
**Lodz.** — S-ro M. Vinograd, Piotrkowska 60, PI, bfl, L, PM, k. ĉ. l.

### Ruslando

**Moskva.** — S-ro V. A. Suhobokov, Pjatnickaja 28 kv. 21, informas siajn estintajn korespondantojn ke li deziras rekomenci korespodadon kiel antaŭe.
**Rostov na Donu.** — S-ro Alexander Trofimoviĉ Samojlenko, studento, Instituto Komercia, L, PI, gaz., k. ĉ. l.

### Svedio

**Skabersjö.** — S-ro Ture Håkansson, instruisto, Hyltarp (amatorajn fot-aĵojn, magazenojn? (eble revuoj? Red.), PI, L, k. ĉ. l.

### Svislando

**Lugano-Paradiso.** — F-ino Aurelia Cappello, PI (naciaj kostumoj, vidaĵoj, katedraloj).
**Lugano.** — S-ro Aloysio Cappello, Dir. de la Jurista Societo „La Difesa", via Maghetti 2, PI, PK, PM, esp-aĵoj kaj fotografaĵoj (sportoj, belartoj, pejzaĝoj k. t. p.).

### Ameriko

**Moundsville**, W. Va (Usono). — S-ro Herbert M. Scott, 1312 Purdy Ave, kunredaktoro de Amerika Esperantisto, PM. k. ĉ. l. prefere kun malnovaj filatelistoj. Ne sendos unue.
**Panama** (Canal Zone). — S-ro E. A. Young, 30, L (pri agnostikismo, terkulturo, laktfarmado). Rifuzos PI PM, monerojn k. t. p.
**Philadelphia** (Usono). — S-ro Washinnton Hudson, 4312 Aspen st. Precipe kun Grekujo, Bulgario, Ruslando, Finnlando, Rumanujo, Sudameriko pri sciencaj, politikaj temoj nur seriozaj leteroj. P. I.
**Philadelphia** (Penn.). — S-ro A. Mitchell Shumate, 5026, Cedar Ave, PI, PM.
**Philadelphia** (Pa). — S-ro John A. Stover, 1217. So Peach St. W. PI, gaz. fot. (esp. angl. hisp.).

### Aŭstralio

**Sydney** (Aŭstralio). — F-ino Minnie Freely, „Canberra“ Rocky Pt. Road, Kograk, PI, L, k. ĉ. l.
**Hawthorn** (Victoria). — S-ro E. J. Cox, 24 Illawarra Road, PI.

### Azio

**Kioto**. — S-ro Ichiro Shirai 4-636, Minamimonzen-cho, Shokokuji, L, PI, gaz, esp-aĵoj k. ĉ. l.

## JUNULA KORESPONDADO

Por ĉi tiu rubriko rezervata al junuloj maksimume 17-jaraj oni bonvolu indiki la aĝojn.

**Leipzig**. — S-ro G. Streidt Lindenaŭerstr. 43 PI por 14 jaraj gekursanoj.

## PETOJ KAJ PROPONOJ

**Tarifo**: Unu linio (= 10 vortoj) Fr. 0.50. Antaŭa pago.

En nacia mono: *Aŭstrio* 50 Kr.; *Belgio* 1 Fr.; *Britio* 5 d.; *Bulgario* 8 Lev.; *Ĉeĥoslovakio* 4 Kr. ĉ.; *Finnlando* 3 F. M.; *Francio* 1 Fr.; *Germanio* 4 M.; *Hispanio* 0.75 P.; *Hungario* 20 Kr.; *Italio* 1.50 L.; *Jugoslavio* 8 Kr.; *Nederlando* 0.25 Fl.; *Polio* 100 M.; *Skandinavio* 0.75 Kr.; *Svisio* 0.50 Fr.; *Usono* 0.10 D. — (Kie la aĉeto de respondkuponoj estas ebla, oni pagu per ili: 1 respondkupono = 20 centimoj.)

**Al ĉiuj!** — 500 adresoj de japanaj kolektantoj (neesp.) de PI, PM, ktp. estas aldonitaj al BES-adresaro (4a eld.), kiu aperos en majo. Prezo: Sv. fr. 1·50. Por Aŭstr. Polio, Hung. 50% valutrabato. Mendu ĝin TUJ, se vi volas ĝin certe havi. — K. Jelínek, Přihr. 60, Vinohrady, Ĉeĥoslovakio.

**Angla lingvo**. — Se vi scias ĝin bonvolu informi min per PK. por statistikaj celoj, kaj diru ĉu ĝi estas facila por vi, nomu malfacilaĵojn, ankaŭ diru ĉu ĝi estas populara en via lando. C. Webster, 4 Gayton Road, Hampstead, London N. W. 3, Anglujo.

**Aperis**: „La malbonaj flankoj de sporto“. Unu ekz. kostas afrankite 0·75 fr. aŭ belg. frank., 1·25 it. liroj; 0 30 sv. frank.; 3·50 Ĉeĥosl. kr. 0·25 sved. kr. Bonvolu mendi antaŭ pagante ĉe J. Vahtkerl, Postkontor, tuba 15, Tallinn, Estonio.

**Aŭstriajn poŝtmarkojn!** Ĉu vi jam ĉiujn posedas? Ne? tiam skribu al la suba adreso! Mi liveras ĉiujn aŭstriajn poŝtmarkojn pli malkare ol ĉiu! Ĝenerale nur 50% de la katalogprezoj de Michl aŭ Yvert kaj Tellier. Kontraŭ referencoj mi ankaŭ sendas belajn elektaĵojn de aŭstriaj kaj alilandaj poŝtmarkoj. Josef Kolnhofer, Wien, 13./4. Zehetnergasse 37.

**Ĉeĥoslovakio**. — En franca familio kun kvar geknaboj estas dezirata ĉeĥoslovaka junulino helponta por lavado kaj mastrumado, ne por kuirejo, vojaĝo pagota, 50 frankoj monate. S-ino Fèure, 10, rue Gallois, Bourg-la-Reine (Seine).

**EDZIĜO**. La konata astrologisto, sinjoro J. Rabestana, (la mistera viro, kiu en 1920 antaŭdiris la mortigon de la fondinto de Portugala Respubliko kaj aliajn Portugaliajn okazaĵojn), ĵus malkovris la solan kaj neerareblan sekreton por esti bonsukcesa en feliĉa edz(in)iĝo kaj eviti malfeliĉan edz(in)iĝon. Ĝi estas scienca laboraĵo facilkomprenebla por ĉiuj personoj. Bonvolu sendi vian naskiĝodaton kaj 10 (dek) svisajn frankojn aŭ laŭkurzan egalvaloran sumon en monspecoj (banknotoj) vialandaj kaj vi tuj konos la potencan sekreton, kiu feliĉigos vin en la edz(in)iĝo. Mi korespondas, laŭvole en Esperanta, franca, angla kaj portugala lingvoj. — Rua Pascoal de Melo, 103, 1-o — Lisboa — Portugalio.

**Filatelistoj**. — S-ro Otto Sandrock, Kahrstr. 47, Essen-Ruhr, Germ. interŝanĝas PM laŭ Michel 1922 K. ĉ. l. Krom Francio kaj Estlando. Ne sendas unue.

**Filatelisto**, kiu sendas al mi 100—500 poŝtmarkojn, al tiu mi sendos samvalorajn hungarajn markojn. Ne sendas unue. Zoltáno Székely, Budapest VII., Erzsébetkörut. 16.

**Filatelistoj**. — 200 bonegajn malsamajn PM kun 3000 aliaj diversaj mi sendas kontraŭ 10 francaj frankoj. Brienne, 10, rue Belzunce Paris.

**Filatelistoj**. — S-ro Kiril Mandov, ul. Kniaz Aleksandr 55. Plovdiv (Bulgario), vendas p. m., katalogo senpage.

**Filatelistoj!** Kiu sendos al mi 50 malsamajn, nedifektitajn kaj netruitajn poŝtmarkojn el sia lando, al tiu mi sendos saman kvanton da finnaj poŝtmarkoj. Skribu klarajn adresojn! A. Ursanovitz, Karisalmi, Finnlando.

**Filatelistoj**. — Kontraŭ 5 svisaj frankoj mi sendos kompletan neuzitan serion de danzigaj poŝtmarkoj. Arnold Neŭmann, Oliva, Steinstr. Danzig.

**„Homara Interkonsento“** serĉas kontraŭnaciemajn, liberpensajn korespondantojn. Skribu al S-ro K. Behrle, Stralauer Allee 20, Berlin O 17 (Germanio).

**Kiu** sendas 200 nedifektitajn ordinarajn PM ricevos la samvaloran kvanton da antikvaj aŭstriaj kaj hungaraj PM. Mi preferas ekstereŭrop. Sendu unue. Hahn, Wien IV. Argentin. 53. Aŭstrio.

**Ne estas** supernatura povo, ĝi estas studaĵo pri la vivo kiu montras ekzakte, kiel vi povos atingi la triumfon el viaj talentoj, sukcesigi en viaj negocoj, societoj, distingi viajn sincerajn amikojn de la malbonaj, ekkoni personon taŭgan por feliĉa edziĝo kaj esti konscia formanto de via propra sorto. Sendu skribaĵon kun tago, monato kaj jaro de via naskiĝo, ĉu vi estas viro aŭ virino kaj 3 ŝilingojn, 3 francajn fr., aŭ tri hispanajn pesetojn per poŝtmandato, ĉeko, banknotoj, aŭ iu ajn nacia mono samvalora, per rekomendita letero adresata al Fino Laura de Jesus Buenos-Aires, Str. Calcada de Arroyos 71. Lisboa, Portugalujo. Oni korespondas esperante, angle, france, hispane kaj portugale.

**Novajn aŭstriajn poŝtmarkojn** liveras por la nominala sumo kaj 20% plialtiĝo en ĉiu nombro al ĉiu samideano Josef Kolnhofer, Wien, 13./4. Zehetnergasse 37.

**Peto**. — Kiu kunvenigus min al Helsinki? Kiu helpus al mi atingi Helsinki? Loĝejo en H. jam prizorgita! Mi estas juna 21 jara komercisto kaj loĝas en Germanio. Dresden A. 19. Schandaŭerstr. 12. Bruno Beckmann.

**Poŝtmarkojn** mi interŝanĝas. Sendu rekom. almenaŭ 50 PM de via lando kaj vi ricevos saman kvanton da ĉeĥoslovakaj PM. Jul. Bočoun, Branná u Jilemnice, Ĉeĥoslovakio.

**Poŝtmarkoj**. — Sendu al mi 100—300 PM miksitajn de via lando kaj mi sendos la saman kvanton nederlandan. E. L. Tintelman Aanslagweg A. 436. Borne Overijsel, Nederlando.

**Serioza interŝanĝo**. — Poŝtmarkserioj, poŝtkartaroj, papermono, moneroj. — Profesoro José Ventura-12, Roteros, Valencia (Hispanio), gvidanta Univeritatan kurson. Nepre respondas. Malakceptas bagatelojn.

**Socialistoj**. — La laborista grupo „Wilhelmshaven“ deziras korespondi kun laboristoj kaj socialistoj en ĉiuj landoj. Max Starke, Kaiserstrasse 85. Wilhelmshaven Germanio.

**Suĥobokov V**. A en Moskva Pjatnickaja 28, kv. 21 informas siajn estintajn korespondantojn ke li deziras rekomenci korespondadon kiel antaŭe.

**Trambiletoj**. — Mi kolektas ĉiulandajn malnovajn trambiletojn. Kiu sendos al mi kelkajn ricevos panoraman karton de mia urbo. Gustav Vrba, Zengrova 42, Vitkovice, Ĉeĥoslovakio.

## INTERNACIA KOMERCO

**Tarifo**: sama kiel »Petoj kaj Proponoj«.

**Berlin**. — Ĉiuj komisioj estas zorgeme prilaborataj de F-ino Martha Rabe, Bandelstrasse 45 P. A. 21.

**Ĉiuspecajn fabrikaĵojn** deziratajn el Germanio vi je fabrikprezoj aĉetos per Internacia komercagentejo Emil Krempler, Sebnitz i. S. Centro de industrio. Aldonu al demando respondkuponon.

**Kuba**. — Eksporto kaj importo de komercaĵoj: S-ro Fructuoso Fernández, komercisto, 24 de Febrero 15—17, Matanzas (Cuba).

**Maŝinoj**. — Ĉiujn maŝinojn por agrikulturo kaj industrio vendas, aĉetas kaj peras Ferdinand Jochmann, komercisto de maŝinoj Pihl bei Haida (Ĉeĥoslovakio). Peranto de mondfama nordbohema vitroindustrio.

**Negocojn** ĉiuspecajn peradas Edgar Roitzsch, Sebnitz in Sachsen (Germanio). Vidu reklamon.

**Plateno-metalon** aĉetas k. vendas (nur prograrde k. laŭleĝe) Georg Reimann, Möckernstr. 71, r. III, Germanio (helpantoj ĉiulande serĉataj).

**Pri moraleco**. — Aĉetu: „La Principo de la Movado por Ĉasta Vivo“, plikl arigita el ideala kaj praktika vidpunktoj. Tradukis: C. J. Roskes-Dirksen. Prezo: fr. 0.25, afrankite fr. 0,30, rekomend. fr. 0,45. Rabato por kvantoj. Havebla ĉe D. Roskes, van Loostr. 68. den Haag (Nederlando).

**Spongoj** kaj salitaj sardeloj. Produkto kaj eksporto S-ro Salvatore Di Maggio-Lampedusa (Italujo).

PRESEJO »POLITIKA«, PRAHA, ĈEĤOSLOVAKIO.